Nova Serio. 1922 — Kajeroj 1-3. I-a Jarkolekto.

# INTERNACIA SCIENCA REVUO

OFICIALA ORGANO DE
INTERNACIA SCIENCA ASOCIO.

ENHAVO:



**Redaktoraro:**
*Dr. Döhler*, Riesa,
*Dr. Róbin*, Warszawa,
*Rollet de l'Isle*, Paris,
*Wüster*, Berlin-Charlottenburg.

**Eldonejo kaj Administrejo:**
„Esperanto Triumfonta"
*Teo Jung*
Horrem bei Köln, Germanl.

Eliris: 1. Septembro 1922.

# Tabelo de la Kotizoj por 1922.

| Landoj | M. | M. A. | A. | Monunuoj |
|---|---|---|---|---|
| Aŭstra, Esta, Leta Litova, Turka kaj Sovjet-Rusa | 40 | 100 | 80 | germ. mk. |
| Argentina | 3 | 7½ | 6 | arg. pes. |
| Belga, Luksemburgo | 8 | 20 | 16 | belg. fr. |
| Brazila | 8 | 20 | 16 | braz. milrejs. |
| Brita, Egipta, Aŭstralio | 4 | 10 | 8 | ŝil. |
| Bulgara | 20 | 50 | 40 | bulg. lev. |
| Ĉeĥoslovaka | 18 | 45 | 36 | ĉeĥ. kr. |
| Ĉila | 10 | 25 | 20 | ĉil. pes. |
| Dana, Islando | 5 | 12½ | 10 | dan. kr. |
| Finnlanda | 18 | 45 | 36 | finn. mk. |
| Franca | 8 | 20 | 16 | fr. fr. |
| Germana | 32 | 80 | 64 | germ. mk. |
| Greka | 10 | 25 | 20 | gr. draĥ. |
| Hispana | 5 | 12½ | 10 | pes. |
| Hungara | 120 | 300 | 240 | hung. kr. |
| Itala | 10 | 25 | 20 | lir. |
| Japana | 3 | 7½ | 6 | yen |
| Jugoslava | 10 | 25 | 20 | serb. din. |
| Kanada, Kuba Ins., Usona | 1 | 2½ | 2 | dol. |
| Meksika | 2 | 5 | 4 | meks. pes. |
| Nederl. | 2½ | 6¼ | 5 | guld. |
| Norvega | 5 | 12½ | 10 | norv. kr. |
| Peruva | 3 | 7½ | 6 | per. soles |
| Pola | 600 | 1500 | 1200 | pol. mk. |
| Rumana | 20 | 50 | 40 | rum. lej. |
| Sveda | 4 | 10 | 8 | sved. kr. |
| Svisa | 5 | 12½ | 10 | svis. fr. |
| Urugvaja | 1⅕ | 3 | 2⅗ | urugv. pes. |

# Al Verkantoj.

1. La Redaktejo ŝanĝas en la manuskriptoj nur evidentajn erarojn. Pri lingvaj deflankiĝoj verŝajne intencataj ĝi atentigas en noto. Aŭtoro, kiu deziras laŭlingvan prilaboron, aldonu al la manuskripto: Revizii.

2. La Redaktejo prenas sur sin nur la laŭleĝan respondecon!

3. Neuzeblaj manuskriptoj nur estas resendataj, se sufiĉa afrankaĵo estas aldonita.

4. La aŭtoroj aldonu sian gepatran lingvon kaj la daton de verkado inter krampoj.

5. La verkintoj de artikolo, minimume unu paĝon granda, ricevas senkoste 2 ekzemplerojn de la koncerna numero.

6. Apartajn represaĵojn la verkintoj rajtas mendi ĉe la eldonejo je siaj kostoj.

## Membroj (M.) kaj Membro-abonantoj (M. A.)

sendu la sumon sen iu ajn rabato al sia Konsulo aŭ Delegito laŭ jena listo:

LANDOJ:

| | |
|---|---|
| Argentina: | Major Raven-Hart, Union Club, Necochea y Peru, Mendoza. |
| Aŭstra: | D-ro Sós, Tuchlauben 18, Wien I. |
| | P. Kamill Straschill, Linz-Margarethen, por Ober-Österreich. |
| Belga: | Ing. Vandevelde, Zwarteheirestraat 230, Gentbrugge-Meirelbeke. |
| Brita: | Prof. D-ro Jam. Johnston, 13 Lr. Fitzwilliam Street, Dublin. |
| | D-ro Primmer, Struan Bank, Cowdenbeath, Skotlando. |
| Bulgara: | Prof. Atan. Atanasov, Oboriŝte 44, Sofia. |
| Ĉeĥoslovaka: | D-ro Bischitzky, Mikulaŝska 12, Praha I. |
| | Prof. D-ro Kamaryt, Telocvichna 3, Bratislava. |
| | D-ro V. Austerlitz, Bardiov, por Orient-Slovak. |

(Daŭrigon vidu sur tria titola paĝo.)

LANDOJ:

| | |
|---|---|
| Dana: | Inĝ. Taŭmose, Möllegade 25 A; København N. |
| Egipta: | Adv. Wilken, 4 Farahde Str., Alexandria. |
| Esta: | S-o Grünthal, Haapsalu. |
| Finna: | S-o Vilho Setälä, Alberga. |
| | D-ro Artturi Salokannel, Punkaharju-Takaharju. |
| Franca: | D-ro Briquet, 31 rue de la Bassée, Lille. |
| | S-o Rollet de l'Isle. 35 rue du Sommerard, Paris 5. |
| Germana: | D-ro Arnhold, Bankhaus Gebr. Arnhold, Dresden. |
| | Ŝtat. arkit. Tarnow, Poststr. 7, Düsseldorf por Rheinprovinz. |
| | S-o Marquard, stud. zool., Enkingsweg 14, Münster i. W., por Westfalen. |
| | D-ro Hanauer, Rostockerstr. 12, Berlin NW 87, por Brandenburg. |
| | Eklez. Konsil. Becker, Altbüsserstr. 34, Breslau, por Schlesien. |
| | Advok. E. Aron, Steindamm 154, Königsberg i. Pr., por Ostpreussen. |
| | Prof. D-ro Büttner, Blumenstr. 13, Offenbach a. M., por Hessen (Darmstadt kaj Nassau). |
| | Prof. D-ro Ledermann, Tuchergartenstr. 13, Nürnberg, por Unter-, Mittel-, Oberfranken, Koburg kaj Oberpfalz. |
| | D-ro Francke, Lindwurmstr. 145, München, por Oberbayern. |
| | Georg Meyer, Spitalgasse A 211, Augsburg, por Schwaben-Neuburg. |
| | D-ro Mulert, Gabelsbergerstr. 13, Zweibrücken, por Pfalz. |
| | D-ro Vogt, Weissenburgerstr. 2c, Stuttgart, por Württemberg. |
| | D-ro v. Eickstedt, Maximilianstr. 12, Freiburg i. Br., por Baden. |
| | Instr. Schnelle, Funkenburgstr. 18, Leipzig, por regiono Leipzig. |
| | Prof. Lohmann, Hoflössnitzstr. 41, Radebeul, por regiono Dresden. |
| | D-ro Trögel, Körnerstr. 6, Auerbach i. V., por regiono Zwickau. |
| | D-ro Reichel, Kamenz i. Sa., por regiono Bautzen. |
| | D-ro Wohlstadt, Malzweg 25, Hamburg 25, por Grosshamburg. |
| | D-ro Höppner, Paul Friedrich Allee 10, Ludwigslust, por Mecklenburg. |
| Greka: | Nik. Eustathianos, str. Anagnostopoulo 30 bis, Athenai. |
| Hispana: | D-ro Maraury, Real 45, San Fernando (Cadiz). |
| | Prof. Ventura, Roteros 12, Valencia, por regiono Valencia. |
| Hungara: | D-ro Lorand, Damjansch ut. 56, Budapest VII. |
| | Prof. König, Nöi Felsö kereskedelmi iskola, Miskolcz, por Kom. Borsod. |
| Islanda: | S-o Thorsteinsson, Langaweg 10, Reykjavik. |
| Itala: | Prof. Alessio, Via San Pietro 92, Padova. |
| Jugoslava: | Prof. D-ro Drag. Andonović, 23 Brankova, Beograd. |
| Kanada: | Ing. Pratley, 469 Clarke Avenue, Westmount, Que. |
| Litova: | S-o v. Medem, Smeliu gatve 12, Kaunas. |
| Nederlanda: | Prof. D-ro Baart de la Faille, 8 Röellstraat, Arnhem. |
| | D-ro Mees, Sundastraat 21, s'Gravenhage. |
| Norvega: | S-o Bonnevie, Bergliens gate 11, Kristiania. |
| Pola: | D-ro Helman, Piotrkovska 68, Lodz. |
| | D-ro Róbin, Marszalkowska 113, Warszawa. |
| Rumana: | S-o Wagner, Fabinistr. 2, Sibiu (Hermannstadt) Transsilv. |
| Sveda: | Inĝ. Esk. Hakansson, Ursvik, Ulriksdal. |
| Svisa: | D-ro Müllhaupt, Schauplatzgasse 33, Bern. |
| Turka: | D-ro Stamatiadis, str. Tepe-Bachi 59, Pera, Konstantinoplo. |
| Urugvaja: | Prof. Henriko Legrand, Larranaga 140, Montevideo. |
| Usona: | Ing. Pratley, 469 Clarke Avenue, Westmount, Que. Kanado. |
| | D-ro Van Becelaire, 2508 First Str. San Diego, Kalifornio. |
| | D-ro Gianfranceschi, 1975 Clinton Str., Buffalo, N. Y. |

## NURAJ ABONANTOJ (A.)

pagu per abonejoj de Esperanto Triumfonta ĉi subaj:

| | |
|---|---|
| Aŭstra: | Ferd. P. Hüber, Mönchsberg 5, Salzburg; por Wien: „La Esperantisto" (d-ro E. Pfeffer), Wien II/1, Postamt 34. |
| Belga: | Frans Schoofs, 45, Kl. Beerstraat, Antwerpen. Poŝtĉeka n-o 28420. |
| Brazila: | Brazila Ligo Esperantista, Praça 15 de novembro, Rio de Janeiro. |
| Bulgara: | Georgi Ĥr. Gaŝevski, Bul. Marie Luiza 46, Sofia. |
| Ĉeĥoslovaka | Otto Sklenĉka, Hradec Králové. Otto Lumpe, Trautenau. |
| Esta: | Est. Esp. Unuiĝo, postkast 6, Tallinn. |
| Finna: | O/Y. Movado A/B., Kasarminkatu 20, Helsinki. |
| Franca: | Esp. Centra Librejo, 51 rue de Clichy, Paris 9. |
| Hispana: | Konrado Doménech, Caldes de Malavella, prov. Girona, Vichy Catalan. |
| Hungara: | Paŭlo Balkányi, Hajos-utca 15-II-2, Budapest VI. |
| Japana: | Morizo Ga, 16-V, Kitamaĉi, Aojama, Tokio. |
| Jugoslava: | D-ro Duŝan Maruzzi, Zagreb, Jezuitska ul., br. 1. |
| Latva: | Talivaldo Indra, Riga, Pasta kaste 475. |
| Litova: | Paŭlo v. Medem, Smeliu g-ve 12, Kaŭnas (Kovno). |
| Nederlanda: | J. Ravestein jr., v. Aerssenstraat 200, 's-Gravenhage. (Poŝtĉeka konto Haag n-o 2578.) |
| Pola: | Adolfo Oberrotman, Krak.-Przedm. 10, Warszawa. (P. K. O. n-o 3125). — Pola Esp. Servo (Fr. Prengel), Kordeckiego 1 a, Bydgoszcz-Bromberg. |
| Rumana: | Esperanto-Oficejo Cluj. |
| Rusa: | Mikaelo Valentinov, Ĉudovskoj per. 6, Komitato de Esperantistoj SVJAZI. |
| Sveda: | Förlagsföreningen Esperanto, u. p. a., Stockholm 1. |
| U. S. A.: | The Esperanto Service Corporation, 500 Fifth Avenue, New York City. |

El landoj, kie ne jam troviĝas abonejoj, oni pagu senpere al la eldonejo „Teo Jung, Köln-Horrem, Germanlando" per bankbiletoj en reg. letero! Uzu la apudan aliĝilon! La aliĝo nur valoras, kiam ĝi estas akompanata de la mono!

LA REDAKTEJO deziras akiri jenajn numerojn de Int. Sc. Revuo, urĝe bezonatajn al redaktada laboro: 1904 Nroj 1—3; 1908 Nroj 52, 57—59. Preferas rekompencon per esp-aj libroj. Kais. Wilh. Platz 11, Riesa, Germanlando.

STUDENTA ESPERANTO-UNUIĜO BERLIN (laborperada fako), konsistanta el anoj de pli ol 10 nacioj, prenas sur sin traduklaborojn el kaj en ĉiujn eŭropajn lingvojn (tr[illegible] malkare). Krome plenumas ĉ[illegible] specajn komisiojn en Germa[illegible] Sin turnu (aldonante respon[illegible] ponon) al S-o W. Markuse, [illegible] W. 15, Duisburgerstr. 3, II.

P-ro Jose Ventura, 12 Roteros[illegible] cia (Hispanlando). — Dez[illegible] rilati kun spertuloj por inters[illegible]o de diversaj objektoj. Ankaŭ [illegible]n-struas hispanlingvon.

---

### Avizo.

Al la hodiaŭa numero estas aldonita prospekto de la firmo Hirt & Sohn en Leipzig pri Enciklopedia Vortaro Esperanta-Germana de Eugen Wüster. Ni rekomendas la prospekton al la atento de niaj legantoj.


Preso: Fratoj Jung, Horrem bei Köln.

Nova Serio. I-a Jarkolekto.



# Internacia Scienca Revuo

Jul.-sept. Kajeroj 1—3. 1922.

> Ekzistas nek patriota arto, nek patriota scienco. Ambaŭ apartenas, kiel ĉia alta bono, al la tutmondo kaj povas esti akcelataj nur per ĝenerala, libera reciproka efikado de ĉiuj samtempe vivantoj kun ĉiama konsidero al tio, kio estas al ni restinta kaj konata el la estinteco.
>
> *W. Goethe.*

## Nia programo.

„Denove plura gazeto!“ ekkrios certe multaj samideanoj. Tamen estas nur malnova gazeto en nova vestaĵo. Ĝi nur celas daŭrigi la iaman Internacian Sciencan Revuon (1904—1911) kaj la Sciencan Gazeton (1912—1914).

Ĉu ĝi estas necesa? Ni opinias, jes! Sed ni ne volas disputi, ĉar ĉiu redaktoro opinias sian gazeton la plej necesa el ĉiuj! Ni lasu tiun decidon al la tempo! La vivopovo de gazeto montriĝas per la kreskanta abonantaro, nuntempe grave influata per la ekonomia stato de tuta Eŭropo.

Kvankam Dr. Döhler jam dufoje (en sia parolado en Praha kaj en la multnombre disvastigita flugfolio „Novstarigo....“) esprimis sian opinion pri la enhavo kaj formo dezirindaj por nia gazeto de el nuntempaj kaŭzoj kaj kondiĉoj, ni devas tamen iom detaligi nian programon, kiu estas subtenata de la tuta redaktoraro!

Rilate la lingvan formon, la redaktoraro penos gvidi la Revuon laŭfundamente, t. e. ni klopodos konservi ĉiujn oficialajn radikojn. Kompreneble ni devas rezervi al ni la rajton fiksi la korelativajn ideojn laŭ la sciencaj bezonoj.

Nia Revuo estas scienca! La konceptaĵo Scienco rigardas precipe la metodon. Tial artikoloj ekz. pri trafiko (fervojoj, poŝtoj, telegrafoj ktp.), pri financa scienco, pri la diversaj metioj ktp. povas esti tute sciencaj, se la metodo aplikata estas scienca, t. e. se la verkinto konstruas sur historia kaj laŭaŭtora bazo per komparado.

Ni decidis malallasi pure prisciencajn temojn, ĉu originalajn, ĉu tradukitajn, prec. ĉar ne estus eble doni al diversaj interesatoj egalgrandan kvanton, kaj por ne plu malhelpi la sciencojn, kiuj ĉiuj suferas pro la kaŝiĝo kaj dispeciĝo de la literaturo scienca. Sed nia Scienca Revuo ankaŭ estas esperanta. Ni rigardu la enhavon laŭ la tri sencoj: por-esperanta, per-esperanta kaj pri-esperanta.

La p o r - e s p e r a n t a karaktero de nia gazeto postulas propagandajn artikolojn speciale adresatajn al sciencistoj en plej ampleksa senco. Ĉar tiuj ne atingas la ne-esperantistojn varbotajn, ni penos ankaŭ doni specialajn artikolojn, kiuj estu nacilingven tradukataj kaj represataj. La oficialaj membrolistoj de la Internacia Scienca Asocio, kiujn ni publikigos, donos pluajn propagandilojn por sciencistoj. (Tial aniĝu al I. S. A.; nur la pagintoj valoras kiel membroj!)

La p e r - e s p e r a n t a parto estas preskaŭ ne apartigebla de la antaŭa; ĉar la faktoj de per-esperanta helpo al scienca laboro estas laŭsperte unu el la plej gravaj propagandiloj por nia helplingvo. La efektivigon de tiuj faktoj ni subtenos malavare donante spacon al la membroj de I. S. A. per seriozaj petoj kaj demandoj prisciencaj. Al sama celo servos notoj pri sciencaj kongresoj okazontaj, kaj, kiam ni ricevos la necesan subtenon de niaj legantaj kunlaborantoj, kongresraportoj, kiuj donos ne nur ĝeneralan bildon sed ankaŭ la akceptitajn rezoluciojn kaj decidojn.

La plej grava karaktero de nia Revuo estas la p r i - e s p e r - a n t a. Bazante sur ĝeneralaj artikoloj pri sinteza lingvoscienco esperanta (Esperantologio), niaj temoj pritraktos la historian evolucion de la internaciaj terminaroj, kaj trans la historion organizos la laŭsisteman kreon de la terminaroj. Ne necesas aldone diri, ke tiu terminologio estos pritraktata en amika interkonsento kun la Internacia Scienca Asocio kaj la Lingva Komitato.

Precipe ni atentigas, ke nia Revuo estos neŭtrala rilate al politiko, religio kaj ankaŭ al hipotezoj kaj teorioj.

*Sed nian programon ni nur povos plenumi, kiam ni estos forte subtenataj de niaj legantoj, ne nur per varbado al abono, sed ankaŭ per kunlaborado!*

Neniu rajtas riproĉi al la redaktoraro, ke lia speciala interesfako estas malzorgata, kiam li ne kunlaboris. La provizo de niaj artikoloj devas esti pliriĉigata de la legantoj laboremaj mem!

*La Redaktoraro.*

---

# La Ĥaoso.[1]

*Dr. Döhler*, Riesa.

Ne jam unu tuta jarcento pasis, depost kiam oni povas diumi la esencan historion pri la sciencoj, se oni ne jam volas kalkuli la multnombrajn analizojn de prioreco en la biologiaj sciencoj kiel tian historion prisciencan!

---

[1]) Tiu ĉi artikolo estas destinata al represo nacilingva por entomologiaj gazetoj; la aranĝon prenas sur sin la verkinto per la naciaj reprezentantoj; aliaj samideanoj, kiuj volas kunhelpi, skribu al la verkinto!

Unuavide la duobleco de eltrovaĵoj kaj elpensaĵoj efikas certe amuzigan ĉarmon; sed nuntempe ĝi fakte fariĝis vera turmento por ĉiu sciencisto produkteme laboranta. Mi tute ne volas malgrandigi la valoron de la duobleco de elpensaĵoj en ĉiuj sinteze konstruantaj sciencoj (ekz. tekniko), kie ĝi ebligas ekkonkiri unu problemon de diversaj flankoj, individue fiksitaj, sed tute alia estas la duobleco en la sciencoj pure analize agantaj (ekz. entomologio), kie ni volas nur objektive esplori la admirindajn fenomenojn de la naturo!

Kian ĥaoson ni eniris nuntempe, spec. en entomologio, mi volas en la sekvantaj linioj klarigi per faktaj ekzemploj, por ekzameni, kielmaniere ni povus iom malpligrandigi laŭ mia opinio ĉi tiun ĥaosan staton!

Ĉefe du kialoj kaŭzas al ni la imensan kaj senutilan malŝparon de tempo, mono kaj energio: unue la ekstreme granda aro produktita de verkoj, broŝuroj kaj artikoloj, kiuj aperas en la plej diversaj kaj ofte malplej adaptaj publikigiloj, kaj due la uzado de preskaŭ ĉiuj kulturlingvoj de ĉiuj kontinentoj!

Ekzemple Seidlitz[2]) nomas en sia raporto pri la literaturo aper. en la jaro 1897 n u r 29 memstarajn verkojn kaj 883 artikolojn pri la koleopteroj! La sama aŭtoro, en sia raporto pri la literaturo de 1911[3]), priagas pli ol 1 000 publikaĵojn (inter ili 39 memstaraj verkoj) pri la sama malgranda teritorio de la entomologio! La malhelpon al la scienco, kaŭzitan per uzo de maladapta gazeto, ilustras ekzemplo en la sama traktato, laŭ kiu nova genro, priskribita en la jaro 1899 en „Der Tropenpflanzer", restis nekonata al la koleopterologoj 12 jarojn!

Lasta ekzemplo estas tiu de Sharpe (Zoological Record), kiu kalkulis antaŭ la milito pli ol 1 800 periodajn publikaĵojn, kiuj entenis artikolojn pri entomologio.

Plibonigo de tiu malbona kaj danĝera stato estas malfacila. La amaso de la verkaĵoj kaj aŭtoroj devigas la redaktorojn de la specialaj gazetoj, ke ili rifuzas komencantajn kaj nekonatajn aŭtorojn, kiuj nun devas sin turni al flankaj kaj ofte obskuraj publikigiloj. Severa memdisciplino de la aŭtoroj estas la sola rimedo, kiun oni povas konsili, memdisciplino, kiu sen observado de egoismo kaj loka patriotismo ĉiam volas servi al la scienco mem, kiu preferas atendi unu jaron anstataŭ ol enigi la traktaton en nekonatan gazeton aŭ eĉ fondi novan gazeteton.

Alia abomenaĵo estas la dua punkto, la multlingveco. Precipe la entomologio dankas gravegajn eltrovaĵojn, ne nur sistematikajn sed ankaŭ biologiajn, al amatoroj. De tiuj oni ne povas postuli, ke ili uzu al siaj traktatoj unu el la plej disvastigataj lingvoj de la eŭrop-amerika kulturcentro, des malpli ke la graveco de lingvo estas funkcio de la laŭtempa politika stato sub

[2]) Lucas & Seidlitz: Bericht über die wissenschaftl. Leistungen im Gebiete der Entomologie während des Jahres 1897. Berlin 1900.
[3]) Seidlitz: Bericht . . . . . same 1911. Berlin 1912.

postefikado de la historio, do tre variema faktoro. (Komp.: En Washington en la senarmiga konferenco s-o Grafo Kato parolis japane, sekvo de la translokiĝo de la ekvilibro politika kaŭze de la mondmilito!)

Tielmaniere oni povas klarigi la fakton, ke mi mem ĉe miaj modestaj studoj pri la triĥopteroj (ordo Trichoptera kun ĉ. 2000 specoj en la tuta mondo) kolektis literaturlistojn de entute 1 600 traktatoj en nur 15 diversaj lingvoj! Jen estu la listo de la lingvoj (ĉiu lingvo kun nur unu aŭtoro), kiun ĉiu povas kontroli:

| | |
|---|---|
| angla (Mac Lachlan) | ĉeĥa (Klapálek) |
| dana (Petersen) | finna (Levander) |
| franca (Pictet) | germana (Ulmer) |
| hispana (Navás) | holanda (Ritsema) |
| hungara (Mocsary) | itala (Costa) |
| japana (Nakahara) | latina (Kolenati) |
| pola (Dziędzielewicz) | rusa (Martynov). |
| sveda (Wållengren). | |

En unu vorto: ni staras meze en ĥaoso, kaj se ni ne volas droni en sinonimio, ni devas trovi baldaŭ rimedon kontraŭ tiu stato. Precipe ni bezonas ŝanĝon favore al niaj multaj kunlaborantoj, kiuj ne povas trovi la tempon kaj eblon, lerni kelkajn lingvojn aŭ havigi al si per tradukoj la bezonatan literaturon fremdlingvan, alimaniere ili devas rezigni je kunlaborado, kaj nia scienco ekiros al stato de stagnado!

La sola rimedo estas laŭ mia opinio la scienca helplingvo. Ke tia ekzistas kaj rapide progresas, certe estas jam konata al multaj. Esperanto nomiĝas la solvo de nia problemo! Tion jam en 1907 ekkonis Prof. Dr. Holdhaus, la muzeestro de la ŝtata muzeo en Wien, kiu en kunveno de la K. K. Zool. Bot. Ges. Wien la 7-an de okt. 1907 deklaris, ke li konsilas Esperanton anstataŭ la latinan lingvon, kiu nur sufiĉis por la bezonoj de la antaŭaj jarcentoj.

Konforme al Ostwald estas urĝa tempo, komenci la sisteman ordigon de la sciencoj. La enkonduko de helplingvo nur estas demando de la tempo. Tial ankaŭ ni entomologoj devas prepari nin al tiu paŝo.

Estus troigata pretendo diri, ke Esperanto jam nun estus fi-konstruata al la bezonoj de la entomologio, sed tiu ĉi sinteza konstruado estas en preparo, kaj ĉiu kiu volas kunhelpi, estas bonvenanta.

La Intern. Scienca Asocio, kiu posedas inter siaj (depost 1 jaro) 500 membroj el la tuta mondo serion de famekonataj entomologoj, formis apartan biologian sekcion, kiu priagas tiajn demandojn, precipe la terminologian.

Ĉiuj entomologoj estu per tio instigataj sin okupi pri tiu ĉi problemo. Aprobaj deklaroj al enkonduko de Esperanto en la entomologion kiel scienca helplingvo estas volonte kaj senkoste akceptataj de la verkinto kaj Dua Sekretario: *Dr. Walter Döhler*, Riesa, Germanl.

# Sekcio por la Teknikaj kaj Sciencaj Vortaroj.

Unua Cirkulero.

Ĉe la komenco de la jaro 1922, ĉar *s-o Dr. Corret* sciigis al la Akademio, ke li ne povas, pro troa laborado, daŭrigi la gvidadon de la Akademia Sekcio por la sciencaj kaj teknikaj vortaroj, la Akademio decidis komisii *s-on Rollet de l'Isle* kiel direktoron de tiu sekcio.

Sed tiu sekcio de nun estas tute sendependa de la Akademio, kaj la direktoro — kiu ne estas akademiano — rajtas organizi ĝian laboron kaj ĝian funkciadon laŭ siaj propraj ideoj. Li interrilatas kun la Akademio nur por prezenti al ĝi proponojn pri oficialigo de vortoj.

Ĉar tiu sekcio havas neniun propran agrimedon, la direktoro petis de la *Internacia Scienca Asocio,* nun en formado, ke ĝi bonvolu helpi la laboradon de la sekcio. Tiu Asocio principe akceptis: sekve la cirkuleroj kaj ĝeneralaj oficialaj informoj de la sekcio estos publikigataj en aparta parto de la *Scienca Revuo,* organo de tiu Asocio, kiu baldaŭ aperos, kaj la aliaj elspezoj de la sekcio estos pagataj de la Asocio.

La alprenita de nia organizado de la laboro, kiun ni ĉi sube montros, rezultas de du ĉefaj ideoj:

1. La unua estas, ke la verkado de teknika aŭ scienca terminaro estas tiel grava tasko kaj necesigas tiel grandan laboron, ke ĝi povas esti entreprenata nur de bonvola esperantisto. Sekve, ĉar tiuj bonvolemaj samideanoj, tute kompreneble, elektas mem la fakojn, pri kiuj ili deziras verki, oni ne sukcesos ricevi tre laŭsisteman progresadon de la laborado; sed oni ricevos rezultatojn, kio estas preferinda. Aliparte la direktoro montros la plej utile farotajn verkojn kaj eble tiamaniere gvidos la elekton de la laboremuloj.

2. La dua ideo estas, ke nur sufiĉe longa uzado kapablas pruvi, ĉu proponata vorto estas taŭga. Sekve estas rekomendate al la teknikistoj, uzi la vortojn proponitajn en la jam publikigitaj terminaroj, aŭ en tiuj, kiuj estos publikigataj kun la aprobo de la direktoro; tamen ili sendos al tiu direktoro siajn rimarkojn pri la uzataj vortoj kaj proponojn pri ŝanĝo. Tiuj sciigoj estos konsiderataj antaŭ oficialigo.

Por montri la funkciadon de la sekcio, ni donas ekzemplon kaj klarigos sinsekve la diversajn partojn de la laborado.

* * *

## I. Preparado de la laboro.

1. S-o A dezirante verki terminaron de la fako F, sciigas tiun intencon al la direktoro, konigante plej precize la difinon kaj la limojn de tiu fako.

2. La direktoro sciigas al s-o A:

a) Ĉu jam ekzistas aŭ ne terminaro de tiu fako; ĉu ekzistas terminaroj de najbaraj fakoj; ĉu iu samideano jam proponis aŭ eĉ komencis verki tian terminaron. Laŭokaze la direktoro limigas la verkon proponitan de s-o A. (Ekzemple povas okazi, ke, en fako de metio, jam estis verkita la teoria parto.)

b) Laŭ demando de s-o A, kiamaniere li povas havigi al si la nacilingvajn vortarojn aŭ lernolibrojn rilatajn al la fako F, aŭ la multlingvajn terminarojn publikigitajn en kelkaj landoj. Samtempe la direktoro sendos al s-o A la broŝuron titolitan *„Konsiloj por la farado de la sciencaj kaj teknikaj vortoj"* sed nur pruntedone.

3. La direktoro publikigas en Scienca Revuo intencon de s-o A verki terminaron de la fako F, kaj alvokon al la teknikistoj esperantistaj por ke tiuj, kiuj intencas helpi s-on A, konigu al li sian nomon kaj sian adreson.

4. Ricevinte tiujn sciigojn, s-o A organizas la laboron laŭ la sekvanta maniero. (Ni de nun nomas s-on A la fakestron.)

## II. Labormetodo.

1. La fakestro elektas la vortojn kaj esprimojn, kiuj estas entenotaj en la terminaro. Tiu elekto povas esti farata uzante ĉu lernolibron, ĉu teknikan nacian vortaron, ĉu konsilon de specialisto.

Ĉiu el tiuj vortoj aŭ esprimoj estas skribata sur aparta paperfolio, en la nacia lingvo de s-o A, kun la tradukoj en kelkaj aliaj naciaj lingvoj (sed nur se tiuj lastaj estas certaj). Estos aldonataj se eble:

a) Klarigo en esperanto, uzante teknikajn vortojn de la lingvo de s-o A, se ne jam ekzistas la esperantaj; oni povas ankaŭ uzi bildon.

b) Aro de la teknikaj esprimoj aŭ kunmetitaj vortoj, en kiuj, en la nacia lingvo de s-o A, tiu vorto estas uzata.

2. Tiuj paperfolioj estas are sendataj de s-o A al ĉiu el liaj kunlaborantoj, por ke ĉiu skribu la tradukon de la vortoj aŭ esprimoj en sia propra nacia lingvo. Tiamaniere s-o A ricevos sinsekve la nacilingvajn tradukojn; sufiĉas aliparte, ke oni havu

la tradukon en la ĉefaj naciaj lingvoj (angla, franca, germana, hispana, itala, rusa) kaj en kelkaj okazoj en la latina kaj greka lingvoj.

3. Kiam ĉiuj kunlaborantoj estos skribintaj la nacilingvajn tradukojn (ili rajtas kaj eĉ devas aldoni vortojn aŭ esprimojn al tiuj proponitaj, se ili konstatas mankojn), la fakestro A elektas la esperantajn formojn kaj sendas denove la aron de la paperfolioj al siaj kunlaborantoj. Estas rimarkinde, ke tiuj lastaj povas esti aliaj ol la unuaj.

4. Fine kiam ĉiuj opinioj estas ricevitaj, la fakestro A elektas la proponotajn solvojn (post, se necese, nova diskutado kun la kunlaborantoj, kiam ne estas unuanimeco), kaj li preparas la tekston kaj vortaron por la publikigado laŭ la maniero, kiun ni donas ĉi sube.

5. La verko aranĝita por la publikigado estas sendata al la direktoro, kune kun la preparaj dokumentoj t. e. la paperfolioj, kaj tiu lasta ekzamenas la proponatajn vortojn je la vidpunkto de la obeo al la fundamentaj principoj de la Zamenhofa lingvo, laŭ la ideoj esprimitaj de s-o Verax kaj aprobitaj de s-o Cart, publikigitaj en „Scienca Gazeto“ 1912, 2—3, kaj kiujn ni publikigos en venonta cirkulero.

6. Post kiam tuta interkonsento estas atingata, pri la alprenotaj vortoj inter la direktoro kaj la fakestro, la direktoro okupiĝas pri la publikigado.

## III. Publikigado.

1. *Formo.* La formo laŭ kiu estos publikigata la verkita terminaro ne estos la sama laŭ ĉiuj fakoj. Efektive, por la teoriaj fakoj aŭ teoriaj partoj de fako, la plej bona formo estas tiu de teksto simila al tiu de lernolibro. (Ekz. Matematika Terminaro de Bricard; teoria parto de Marista Terminaro.)

Tiu teksto donas klarigojn pri la vortoj per la frazoj, en kiuj ili estas entenataj. Sed al tiu teksto devas esti aldonata tabelo de vortoj, alfabete ordigataj, kune kun iliaj tradukoj nacilingvaj.

Tiu formo ne konvenos por la profesiaj aŭ metiaj fakoj, ĉe kiuj la nomoj de iloj aŭ instrumentoj estas multenombraj aŭ eĉ kelkafoje ekskluzive konsistigas la terminaron. En tia okazo, oni uzos formon similan al tiu de la kelklingvaj vortaroj jam publikigitaj en diversaj landoj, t. e. oni donas liston de tiuj nomoj, kun se eble bildoj, kaj aron de nacilingvaj tradukoj; tiuj nomoj estas aranĝataj laŭ teknika ordo, kiu ebligas facile trovi ilin en la vortaro.

Estus oportune elekti formaton kaj aranĝon kiel eble plej similajn por najbaraj fakoj.

2. *Financaj rimedoj.* — Se la direktoro opinias ke la „Scienca Asocio" havas sufiĉe grandajn monrimedojn, aŭ se la fakestro posedas tiajn monsumojn, aŭ fine se oni sukcesas starigi specialan societon por entrepreni tiun publikigadon, ekzemple per antaŭpromeso de sufiĉe granda nombro da aĉetantoj, ktp., la publikigado de la terminaro estas farata; la fakestro zorgas pri la korektado de la presprovaĵoj kaj donas la permeson presigi.

Kontraŭe se ne ekzistas taŭgaj rimedoj por fari tiun publikigadon, la direktoro konservas la manuskripton ĝis favora momento. Nur li anoncas en „Scienca Revuo" ke tiu vortaro estas tute preta.

## IV. Ordo de la laboro.

Ĉar, kiel ni diris, la iniciato de la laboro povas kaj devas deveni de la esperantistoj mem, ni donas ĉi sube nur proponojn pri la preferinda ordo de la farotaj laboroj, instigante la bonvolemajn kaj laboremajn samideanojn elekti inter tiuj proponoj.

1. Dezirinde estas unue fini la vortarojn de la „Puraj Sciencoj" jam komencitaj de la *„Scienca kaj Teknika Komisiono"* de la Scienca Asocio en la jaro 1912, ĉar tiuj vortoj estas entenataj en teoria parto de ĉiuj industrioj. La laboroj de tiu komisiono estis publikigitaj parte en „Scienca Gazeto". Jen la nuna stato de tiu verkaro:

*Astronomio.* — Listo da vortoj estas farita, kun la tradukoj en la lingvoj franca, angla, germana, itala kaj latina. Farotaj estas la kontrolo de tiuj tradukoj, la elekto de la esperantaj vortoj kaj la redakto de la publikigota teksto; jam parto de tiu teksto ekzistas en la publikigita „Provo de Marista Terminaro".

*Matematiko.* — Komencita unuflanke de s-o Bricard en la publikigita „Matematika terminaro" kaj aliparte de la komisiono. La manuskripto estas en la sama stato kiel tiu de Astronomio, t. e. farotaj estas elekto de la esperantaj vortoj kaj redakto de la teksto.

*Mekaniko.* — Sama stato kiel tiu de Matematiko.

*Kemio.* — Tute finita. Nomenklaturoj kaj vortaro publikigitaj en „Scienca Gazeto".

*Fiziko ĝenerala kaj tera.* — Sama stato kiel tiu de Matematiko. Tamen kelkaj partoj sufiĉe gravaj estas jam publikigitaj en „Scienca Gazeto".

Ankaŭ estas komencitaj kelkaj verkoj, kiuj estas malpli gravaj sed tamen finotaj:

*Enketo pri kelkaj punktoj de la scienca lingvo.* (Publikigita en „Scienca Gazeto".)

*Pri la propraj kaj geografiaj nomoj.*

*Pri la teknikaj vortoj de la Fundamento.*

2. Por ricevi tujajn rezultatojn, kiuj pruvos ke ni efektive kaj utile laboras, estus dezirinde ke oni elektu fakojn inter la plej utilajn en tiu momento. Ekz.: *la Senfadena Telegrafo, Aviado, Elektrotekniko.*

3. Estus ankaŭ bone ke estu daŭrigataj la jam komencitaj kaj pli-malpli antaŭenpuŝitaj vortaroj, kiuj bezonas kunlaboradon de kelkaj teknikistoj: *Geometria terminaro* de s-o Mazzolini, *Geografia terminaro, Oceanografia terminaro* de s-o Rollet de l'Isle.

4. Fine krom tiuj sciencaj vortaroj estus dezirinde ke oni laboru pri la praktikaj, komercaj, industriaj, metiaj kaj profesiaj terminaroj. Sed antaŭ komenci estas necese bone koni tion, kio estas farita.

**Demandoj de la Direktoro.**

1. La direktoro petas ĉiun samideanon, *kiu akceptas laboradi laŭ la tie ĉi montrita metodo,* fariĝante fakestro de iu el la montritaj fakoj aŭ de iu ajn alia, sciigi sian nomon kaj adreson, kune kun la preciza difino de la elektita fako.

2. La direktoro petas ĉiun samideanon, *kiu en tiu momento verkas teknikan terminaron,* sciigi sian nomon kaj adreson kune kun la preciza difino de la fako; se tiu samideano tion deziras, la direktoro klopodos por trovi kunlaborantojn.

3. La direktoro petas sciigojn pri: la *jam verkitaj, pretaj por la publikigado laŭ la montrita formo, kaj ĝis nun ne publikigitaj, terminaroj* — ankaŭ pri *la publikigitaj teknikaj terminaroj,* kies titolo ne troviĝas en la esperantistaj katalogoj.

4. La direktoro petas *la direktorojn de la esperantistaj gazetoj* sendi al li (35, Rue du Sommerard, Paris) la numerojn de tiuj gazetoj, ĉe kiuj troviĝas teknikaj artikoloj aŭ studoj pri la verkado de la teknikaj vortaroj.

La Direktoro:
*Rollet de l'Isle.*



# ESPERANTOLOGIO
KAJ
# INTERNACIA TERMINOLOGIO

Priresponda redaktisto kaj adreso de la redaktejo: *Eugen Wüster, Berlin-Charlottenburg, Berliner Str. 23, Germanio.*
Redaktisto-korespondanto: Referendario *Erwin Stolpe.*
La artikoloj ordinare estas kontrolitaj de la specialistaj konsilantoj de la redaktisto.

## Nia vojo.

Ĉi tiu rubriko de la *Scienca Revuo* estas dediĉita al la du parencaj fakoj *esperantologio* kaj *internacia terminologio.*

La esperantologio estas la scienco pri Esperanto. La internacia terminologio okupas sin pri la formaj kaj ideaj interakordigo kaj sistemecigo de la diverslingvaj terminaroj fakaj.

La *Scienca Revuo* estas *scienca, esperanta* gazeto. Kian gravecon por ĝi do havas la *ĝenerala esperantologio* kaj scienco pri *nacilingvaj* terminaroj? Nu, Esp-o estas artefarita lingvo kaj tial nur de malmultaj egale posedata en ĉiuj partoj; necesas do ĉe disvolvo de unu parto, ke artefare, t. e. per scienca universalemo, estu konsciigataj ĉiuj analogiaĵoj kaj koincidoj en la aliaj partoj. Esp-o estas nur sintezaĵo de la modernaj latinidaj-ĝermanidaj-slavaj lingvoj; tial estas ĝia devo, studi kaj profiti jamajn rudimentojn de internaciaj terminaroj kaj ties principojn.

Sed ĉu jam alvenis la tempo por memstara Esperanto-scienco? Ĉu teoriaj rezonoj, la neevitebla bazo de ĉia scienca procedo, ne povas naski en eksteruloj la opinion pri malfacile de Esp-o? Ĉu ili ne perdigus multe da tempo al homoj per sia kapableco speciale kvalifikitaj al sukcesa propagando?

La plejparto de la aktivaj esp-istoj respondus malfavore por la esperantologio, inter ili ankaŭ scienculoj. Ili opinias, ke nun sufiĉas propagando por la ideo kaj nura „uzo“ de la lingvo; kiam Esp-o estos oficiale adoptita de la ŝtatoj, ili mem komisios lingvoscienculojn, doni al la skeleto kaj la vortaro de Esp-o la definitivan formon kaj prigardu ĝian evolucion.

Al spertaj scienculoj kaj kleraj praktikuloj ni ne bezonas memorigi, ke laŭracia, fruktodona uzo de artefarita lingvo sen scienca bazo ne estas ebla. Sed ankaŭ la senrezerva fido pri la ŝtataj specialistoj kondukus al maliluzio.

Vera specialisto estus nur lingvoscienculo, kiu ankaŭ dum multaj jaroj studis kaj praktikis la artefaritajn lingvojn. Kaj se ne preni esp-istojn, kie trovi specialistojn? Se do eĉ inter la

esp-istoj ne naskiĝas kaj kulturiĝas scienco pri Esp-o, tiam konsekvence en la momento de bezono specialistoj tute ne estos disponeblaj.

Tiam do la ŝtatoj konfidos la aferon al iaj lingvistoj-ne-esperantistoj.

Ni unue supozu, ke tiuj personoj nun dum kelkaj jaroj tralaboros kaj ordos la sufiĉe ampleksan krudmaterialon, amasiĝintan dum 300 jaroj; ke intertempe ili neniel aplikos sian aŭtoritaton pri Esp-o kaj nur poste komencos aktive revizii kaj finkonstrui ĝin. Se la okazaĵoj tiel intersekvus sin, la sola malbonaĵo estus, ke la homoj devas atendi 5—10 jarojn pli resp. ke la hodiaŭa diletfuŝado estas daŭrigata ankoraŭ iom. Tio do signifus nur perdon de energio resp. de spertoj.

Sed estas preskaŭ certe, ke la irado de la aferoj estos alia pro psikologiaj kaŭzoj; miloj da jamaj spertoj tion antaŭsignas. Eĉ se, malgraŭ verŝajno, Esp-o unue estos bloke akceptata, ĝi fariĝos ludilo de eksperimentemaj ŝtataj specialistoj; ĉar koncerne la artefaritajn lingvojn ili estas nur lernantoj. Mankas al ili ankoraŭ la kono de la grandaj principoj; mankas al ili kontraŭpezaĵo de la intima ligiteco kun la esp-a lingvovivo. La spertoj kolektitaj de miloj da saĝaj homoj por sciencistoj ne estas argumento, se ili kondukis al nenio alia, ol al nuba propagandista frazaĵo: se ili ne estas sisteme orditaj.

Kaj oni ne forgesu, ke en tiu rilato Esp-o havas ne tute sendanĝeran konkuranton en sia devenanto *Ido*. En la kernaj problemoj ĝi ja ĝenerale estas malsupera al Esp-o (v. mals.); plue ĝi nur havas malgrandan anaron. Sed neniu sincera homo povas nei la grandan sciencan diligenton aplikitan al ĝi, ankaŭ dum la milito, kaj ke ĝia materialo estas racie kaj nete ordita. Kaj ĉar estas tre malfacile, sen gvido penetri ĝis la esenco de afero, tial ne estas mirige, ke ĝuste „specialistoj" kaj „specialistaj" komisionoj relative ofte estas erarigataj per la eksteraĵoj malfavore por Esp-o.

En la lasta jardeko antaŭ la milito la neceso, science kulturi kaj disvolvi Esp-on, komencis havigi al si agnoskon; kelkaj produktaĵoj de tiu tempo eĉ signis jam sufiĉe altan nivelon. Sed la mondmilito ne restigis multe da unuopa laboro kaj haltigis ĉian komunan.

Tial nia gazeto ankaŭ lingve metas al si kiel taskon, rekunigi la fortojn por laŭplana fundamenteca laboro. Jen nia esperantologia programo, al kiu ni petas laŭ eblo alkonformiĝi niajn kunlaborontojn.

## La esperantologia programo.

La esperantologio estas dividebla en du fakojn esence diferencajn: en la *morfologion (de la vortelementoj)* kaj en la *vortteorion.*

La morfologio de la vortelementoj okupas sin pri la formo de la vortelementoj, t. e. de la radikoj, sufiksoj kaj gramatikaj finaĵoj; ĝi estas p r i f o r m a scienco. La vortteorio esencaparte okupas sin pri la signifo de la vortelementoj kaj pri la kombinado de tiuj elementaj ideoj; ĝi do estas p r i i d e a scienco. La vortelementoj estas, por tiel diri, la atomoj de la lingvo; tial oni povas kompari la morfologion kun la elektrismo kaj la vortteorion kun la kemiismo de la atomoj de l' materio: la vortteorio kombinas, la morfologio malkombinas la vortelementojn. Malpli grandan gravon havas la morfologio de la kombinaĵoj; sed ĝi okupas kvazaŭe mezan lokon per la granda influo de la elementaj signifoj ĉe la kombinado.

La morfologio, plejparte fonetiko, siaflanke konas problemojn memstarajn kaj problemojn de transskribo. Al la memstaraj problemoj apartenas ekz., kiel prononci la vokalojn aŭ ĉu eviti la sonon *ĥ*; plue konstato de la memstara morfologio estas, ke apud *t* povas troviĝi nur *k* kaj ne *g* ktp. Multe pli nombraj estas la problemoj de transskribo, t. e. la problemoj prezentiĝantaj kun la demando, en kiu formo la vortelementoj estu transprenataj el la fontolingvoj. Jen povas esti la afero pri la transskribo de unuopaj sonoj (A ou, ow, F (i)ll, G ei, R e ktp.) aŭ pri la trakto de gramatikaj finaĵoj ekz. de la latina lingvo (ĉu berberido aŭ berberiso?) kaj de radikfinaĵoj (sardino aŭ sardeno? . . . . oido aŭ . . . ojdo?).

La plej fruktodona parto de la vortteorio koncernas la tipojn kaj analogiojn de la *interelementaj rilatoj*, t. e. de la rilatoj inter la signifoj de vortelementoj interkombinitaj. Kion la subskribinto konsideras la plej urĝa afero de la vortteorio, estas deponite en la artikolo „La tri fundamentaj reguladoj“ (Esp-o Triumfonta 55/58).

La du partoj de la esperantologio povas esti kulturataj sufiĉe sendepende unu de la alia. Ĉar ĉe la vortteorio la f o r m o de la vortelementoj estas tute indiferenta; ĝi ja estas aplikebla ne nur al Esp-o sed kun egala profito ankaŭ al ĝiaj fontolingvoj. Kaj ke ĉe la morfologiaj problemoj la s i g n i f o nur sekundare okaze ludas rolon, kredeble klare rezultas el la donitaj ekz-oj. Kiam la esperata de ni diferencigo inter nuraj uzantoj kaj specialistaj prizorgantoj (prigardantoj kaj disvolvantoj) de Esp-o estos efektivigita, jam per tio la du sekcioj de la Esperantologio estos nete dividitaj. Ĉar dum pli malpli funda kono de la vortteorio estas necesa por ĉiu uzanto de la lingvo, la morfologio bezonos interesi nur ĝiajn prizorgantojn.

Ni nun intencas, en la nuna tempo kulturi precipe la morfologion. Pro du kaŭzoj: La vortteorio jam estas disvolvita ĝis iu grado; la morfologio kontraŭe estis tute strange malzorgata, tiel, ke Esp-o en tiu rilato ne estas tre konsekvenca (oni komp.

ekz. la radikojn de greka-latina deveno)*). Plue la antaŭenpuŝado de la vortteorio postulas jam sufiĉe universalajn lingvajn sciojn kaj kapablojn, dum en la morfologio pli facile unuopaj problemoj estas apartigeblaj kaj memstare trakteblaj, ĝenerale tiu lasta havas pli konkretan karakteron. Lastinstance ankaŭ la morfologio tamen estas supozo de la vortteorio pritraktata en Esp-o kaj aplikata al ĝi, ĉar oni pli bone operacias per formoj kontentigaj ol per nezorgitaj.

Unue estos traktenda la transskribo el la lingvoj greka kaj latina; tiu estas eksterorde grava por la sciencaj terminaroj kaj antaŭ ĉio por la botaniko kaj zoologio. Poste necesus turni sin al la transskribo el la vivantaj fontolingvoj de Esp-o; kiom samtempe okazas transskribo laŭ la latina kaj laŭ latinidaj lingvoj, kompreneble devas okazi disigo *(commissarius — commissaire,* ĉu *komisario* aŭ . . *ro?).* Ankaŭ konformaj studoj de niaj orientlandaj amikoj estus tre valoraj: Jam multege da japanaj, ĉinaj, hindaj ktp. vortoj enpenetris en Esp-on, sed kun plej diferenca ortografio *(junglo, ĵunglo, ĝunglo, ĝangalo,* simile pri *ĝunko, ĝinrikŝo k. a.).* Kompreneble devus esti konsiderate, kiel la fontolingvoj de Esp-o aranĝiĝas kun tiuj formoj (angla transskribo en Germanio ktp.) kaj ke tiusenca internacieco por Esp-o estas pli grava ol etimologia fidelo. La ĝenerala procedo unue ĉiam konsistas en la konstato, kiel ĝis nun en Esp-o, precipe en la oficiala vortoprovizo, efektiviĝis la transskriboj.

Krom al likvido de la problemoj de transskribo nia prizorgo apartenos al la starigo de ĝeneralaj principoj de nomenklaturo por la unuopaj fakoj. Ekz. al esploroj pri tio, kiel la botanikaj-zoologiaj sistemoj estu esperantigataj. Referatoj inventarantaj la jamajn laborojn pri la fakoj devos ne esti forgesataj.

Pri unuopaj terminoj ni provizore dezirus okupi nin nur escepte; ĉar tiu pristudo ĝenerale kuntrenas amason da superorditaj problemoj, kiujn oni pli bone antaŭe likvidas sinteze. Estas nia principo, *malkrudigi la lingvon egale en ĉiuj partoj.*

Konforme al la prezentita programo nia rubriko havos tri subrubrikojn: „Tutlingvo", „Fakoj" kaj „Redakteja Korespondo". En la lasta i. a. dezirataj kaj ricevitaj manuskriptoj estos konigataj.

La subskribinto decidiĝis preni sur sin la redakton de ĉi tiu parto nur, por ke fine komenco estu farata; ke li baldaŭ povu meti ĝin por daŭre en taŭgajn manojn! La redaktejo sincere klopodos pri objektiveco. Ĝi volas ebligi sinaŭdigon al ĉiu

*) Cetere la dupartigo de la sinteza lingvoscienco faciligas ankaŭ komprenon pri la kvintesenco de la problemo Esperanto-Ido: La vortteorio de Ido lingvopsikologie neniel eltenas komparon kun la esp-a; sed koncerne multajn morfologiajn aferojn (la pli ekstera flanko de la lingvo!) Esp-o povas lerni de sia kabineta frato. Jen resume, kial sciencaj mondlingvistoj ne povas ignori ankaŭ la ampleksan materialon amasigitan de la idanoj.

science akirita opinio kaj subpremi nenian konscie uzitan formon, eĉ se ĝi ne konsideras ilin praktikaj.*)

Sed ĝi insiste petas la kunlaborantojn, rilatigi la vorton „scienca" malpli aŭ ne nur al la pritraktataj termin(ar)oj, sed antaŭ ĉio al la maniero de pritrakto. Tial pripensi ĉe ĉiu ideo kaj formo, ke ĝi per mil rilatoj radikas en la homa mondmemoro resp. en la tutlingvo kaj ne povas esti elŝirata el sia kunaĵo; ke jam multaj homoj pensis pri la sama afero kaj ofte ie deponis siajn rezultaĵojn.

Nia gazeto provizore ankoraŭ ne povos esti forumo por definitivaj decidoj; jam pro tio havos tute nenian sencon, se homoj, kies rilataj spertoj kaj kapabloj, de abstraktigo ne estas ĝenerale konataj, skribos al ni sen aŭ sen sufiĉa motivado: „tio kaj tio estas (mal)bona" aŭ simile. Nia gazeto provizore povas esti nenio alia ol arkivo de spertoj kaj aliaj argumentoj; sed ĝi volas esti arkivo, kiu estas ordita laŭ plano kaj en kiun ankaŭ alikaŭze valoras eniri.

Kaj nun ankoraŭ unu fojon, seriozaj esp-istoj: Propagando por la internacia lingvo ne nur konsistas en tio, ke oni parolas pri ĝiaj potencialaj kapabloj, sed ankaŭ en tio, ke oni ekvekas, ekvidebligas ilin. Ni invitas vin helpi la ekrealigon de nia programo!

1. 1922. *Eugen Wüster.*

---

# Listo de uzotaj signoj.

f, I, II, Z (aŭtorsignoj) eksponente post vortelemento signifas, ke ĝi troviĝas en la Fund., resp. en la I-a aŭ II-a Ald. aŭ ĉe *Zamenhof.*

* (aŭtorsigno, nome steleto) post vortelemento aŭ (rimarkinda) kombinaĵo de tiaj signifas, ke ĝi estas aŭ unuafoje uzata de la aŭtoro aŭ tiom malofta, ke ĝi ne estas registrita en la enciklopedia vortaro de *Wüster.*

** signifas, ke la formo ne estas la kutima sed estas modifita de la aŭtoro.

La lastajn du signojn la redaktejo enmetos en ĉiun artikolon, se ili mankas; sed ĝi tre petas la aŭtorojn, laŭ eblo apliki mem tiujn signojn kaj ev. aldoni klarigojn kaj motivojn de la modifo.

[ ] (angulaj krampoj) ordinare signifas, ke la aŭtoro konsideras la entenatan formon malbona.

' ' (enigo inter apostrofojn) signifas a) ĉe esp-a esprimo: ke estas celata ne ĝi mem sed ĝia ekvivalento en la

---

*) Koncerne la sufiksojn *uj* kaj *i* ĝi lasas liberon al la kunlaborantoj; sed ĝi rekomendas ne uzi formojn kiel *Polonio* (anst. *Polio, Polujo* aŭ *Pol-lando).*

koncernata lingvo (ĝia „ideo-“ aŭ „sencoformo“)*), b) ĉe neesperanta vorto el lingvo kun la latina alfabeto: ke ĝi estas fonetika kaj ne ortografie skribita.

A,F,G,H,I,R; Gr,L (lingvomontriloj) signifas: angla, franca, germana, hispana, itala, rusa, greka resp. latina (lingvo).

[AF...] signifas: apogata de la lingvoj A F ktp.

~ (tildo) signifas, ke la ĉefa antaŭiranta vortelemento estu ripetata.**)

aŭ (=) aŭ (<) en okazo de bezono post la vorto aŭ estas almetata la signo de egalo (=) por montri sinonimecon kaj la signo de branĉiĝo (<) por montri alternativecon.***)

~~~~~~ *(Kursivigo)* estos uzata, por rekonebligi vortojn, kiuj ne estas esp-aj (ekz. neasimilitajn proprajn nomojn): ĉe aldonado de esp-a finaĵo, streketo estos intermetata.

---

# Fakoj.

## La ordo de la artikoloj.

La prifakaj artikoloj en ĉiu kajero estos orditaj laŭ la decimala sistemo. La fako de ĉiu artikolo estos ducifere montrata sur la marĝeno.

Signifo de la unua cifero: 0 = bibliografio; — 1 = filozofio; — 2 = religio; — 3 = sociaj sciencoj; — 4 = lingvoscienco; — 5 = ekzaktaj sciencoj; — 6 = aplikitaj sciencoj; — 7 = belaj artoj; — 8 = (bela) literaturo; — 9 = historio-geografio.

Ducifera nombro montras parton de la fako montrata de la unua cifero. Ekz. 53 = (ekzakta scienco) fiziko. Ni kredeble foje aperigos duciferan tabelon de la fakoj.

---

## Listo de la redaktejaj ĉefkonsilantoj.

Ni klopodis trovi regulajn specialistajn konsilantojn por la plej gravaj fakoj. Tiuj konstantaj kunlaborantoj, kiuj kontrolas la manuskriptojn kaj donas pridetalajn informojn, kompreneble devis loĝi kiel eble plej proksime.

---

*) Ekz.: *La supro de masto france kaj angle estas nomata 'kapo', nome 'tet' (–) resp. 'hed' (◡).*

**) Ekz.: *kapo, ~ujo = kapo, kapujo.*

***) Ekz.: *Nitrogeno aŭ (=) azoto ..., nitrogeno aŭ (<) oksigeno.*
~~~~~~

Bonvolis disponigi sin la jenaj sinjoroj:

**0** (publicaîoj, klasifiko): d-ro fil. *Hanauer*.
**32** (politikoscienco): *Herbert Zelinsky*.
33 (politika ekonomio), 38 (komerco): *Rudolf Hromada*, prokuristo.
34 (juroscienco): referendario *Walter Lippmann*.
**4** (filologio-lingvoscienco): prof-o d-ro fil. *Göhl*.
**51** (matematiko), 53 (fiziko), 54 (kemio): d-ro fil. *Stucke*.
55 (geologio): d-ro fil. *Wohlstadt*.
56/9 (botaniko-zoologio): d-ro fil. *Döhler*.
**61** (medicino): d-ro med. *Schwab*.
62 (inĝeniera fako): ministreja konsilanto d-ro inĝ. *Ellerbeck* (inĝ. konstrufako).
65 (trafiko): *Rudolf Hromada*, prokuristo.
**78** (muziko): *Paul Bennemann*.
**80** (poezio): kolonelo *Franz Zwach*.

La konsultiĝon kun alilandaj specialistoj, kun kiuj ni mem ne havas rilatojn, afable aranĝos niaj ĉefkorespondantoj:

Por Britio: s-ro *Edward A. Millidge*.
Por Francio: s-ro prof-o *Grosjean-Maupin*.

---

# 51 Pri ĝisnuna esperanta literaturo de la matematiko.

La vivo de Esperanto estas tre mallonga kompare al tiu de naciaj lingvoj kaj al la vivo de matematiko. Tial ni ne devas perdi esperon pri la estonta matematika literaturo, vidante la nunan etan komencon. Tiu ĉi komenco spite sia modesteco jam povas konvinki nin, ke nia lingvo sendifekte taŭgas por matematikaj traktadoj kaj troviĝas matematikistoj, kiuj ekkonante, ke Esperanto devas iam fariĝi scienca mondlingvo, redaktas verkojn originale en tiu aŭ tradukas Esperanten gravajn verkojn el nacilingvoj.

En tiu ĉi artikolo mi priskribos mallonge la librojn matematikajn, kiuj aperis Esperante ĝis la komenco de l' mondmilito. Mi traktos nur memstare eldonitajn verkojn, sed ne artikolojn aperintajn en diversaj revuoj. Mi scias, ke mia raporto ne estos kompleta, povas ekzisti libroj, kiuj aperis dum la lastaj jaroj, kiujn inter la nuntempaj cirkonstancoj mi ne povis ekkoni. La legantoj indulgos min pro tiu ĉi difekto de l' artikolo, eĉ mi petas ilin, bonvolu kompletigi tiun ci traktadon.

Oni ne atendu detalan raporton de la verkoj. Mi donos nur tiom, kiom estas necesa por ekkoni ilian enhavon kaj veki la intereson de l' fakaj legantoj.

Por ebligi redakton de scienca verko oni bezonas fakan terminaron. Dank' al fervoro de samideano R. Bricard, la matematikistoj trovas tiun jam pretan. Lia Matematika Terminaro kaj Krestomatio (eldonita 1905 ĉe Hachette et Cie., Paris) donas ĉion necesan. La aŭtoro prenas radikojn el vidpunkto de internacieco. Kie la termino estas samradika en pluraj lingvoj, ĝi estas elektita ankaŭ en Esperanto, jen: adic-[1], subtrah-, multiplik-, divid-, diferenc-, diferencial-[2]), ktp. Se la radiko ne estas uzata en ĉiuj grandnaciaj lingvoj, sed en kelkaj ĝi estas la sama, kiu en la latina lingvo, la aŭtoro prenas ĝin ankaŭ por Esperanto, ekz. numeratoro, denominatoro, k. c. Por eviti dusencecon kelkfoje radiko estas prenita de iu nacilingvo anstataŭ la ebla internacia radiko, ĉi tia estas entjer- anstataŭ integr- por forigi konfuzon inter entjera nombro kaj la operacio integro. La aŭtoro rigardas sian Terminaron nur provizora, li do ne intencas altrudi ĝin, eĉ li mem forigas en sia alia verko la vortojn fracio, funcio, seci donitajn en la Terminaro sed malaprobitajn de kelkaj matematikistoj kaj anstataŭas ilin per frakcio, funkcio, sekci.

Kiel la titolo de la libro montras, ĝi enhavas ankaŭ krestomation. Preskaŭ el ĉiu parto de 'l' matematiko oni trovas malgrandajn traktadojn, kiuj konvinkas la leganton pri konveneco de Esperanto kiel scienca lingvo.

Verŝajne al pluraj matematikistoj estas nekonata la verko de F. Villareal: Rezisteco de la Ferkolonoj. (1904. Lima-Peru, Imprenta de la Escuola de Ingenieros). La titolo ŝajnigas, ke la libro interesas nur inĝenierojn: komencante tamen legi la libron, ni vidas, ke ĝi estas ankaŭ al teoriaj matematikistoj rekomendebla. La traduko estas vere teorie matematika, kiun ĝuas la matematikisto; la rezultatoj havas praktikan valoron por inĝenieroj.

La libro estas dulingva: hispana kaj esperanta. Fine en aldono la aŭtoro donas mallongan raporton pri Esperanto por hispanlingvanoj en ilia lingvo.

A. Dombrovski: Pri unu speco de kurbaj linioj koncernantaj la V-an Eŭklidan postulaton. (Möller & Borel, Berlin). Tiu ĉi verko, kvankam ĝi restas tute en la Eŭklida geometrio, interesas matematikistojn, kiuj okupadas sin en la pli ĝenerala, absoluta geometrio. La aŭtoro pritraktas iun kurbon kaj petas la legantojn elmontri la ŝanĝojn en ĝi fariĝontajn ĉe transiro el la geometrio Eŭklida en la Riemannan[3]) kaj Lobaĉevskian[3]).

Alia verko de A. Dombrovski havas titolon: Pri novaj trigonometriaj sistemoj. (1906. Möller & Borel, Berlin). Oni scias, ke la trigonometriaj funkcioj estas reprezentigeblaj per rektaj segmentoj[4]) en la cirklo, kiu havas kiel radion la longunuon[5]). Dombrovski donas aliajn, entute 27, novajn simplajn sistemojn por analogia reprezentado kaj montras la vojon por formado de senfinaj sistemoj kunmetitaj.

La skribmaniero de Dombrovski estas eminente klara. Ne-esperantistoj traleginte esperantan ŝloslon tuj komprenas liajn librojn. Karakterizas liajn verkojn la kiel ebla[6]) evitado de specialaj terminoj, li anstataŭas tiujn tre ofte per vortoj ordinaraj „por ne plimultigadi senbezone la nombron de novaj radikoj", ekz. anstataŭ cirklo oni trovas rondon, suplementa angulo nomiĝas alpleniga angulo.

René de Saussure eldonis libron: La Geometrio „Folietara" (Alb. Kündig, Ĝenevo), kiu enhavas novan teorion geometrian pri la movo de l' korpoj en spaco. Laŭ mia scio nur la unua parto aperis ĝis nun. La ŝraŭbmovo[7]) laŭ komuna opinio meĥanika estas la plej ĝenerala movo de rigida korpo. Saussure celas montri, ke tio ĉi estas vera nur el meĥanika vid-punkto, en la geometrio alia movo estas fundamenta. Por tio ĉi li starigas novan teorion. Li prenas kiel ĝeneralan elementon en la movo trioblan figuron, la folieton, kiu konsistas el unu punkto, unu rekto tiun trairanta kaj unu ebeno enhavanta la rekton. Do la objekto de l' verko estas konstruo de geometrio de la folieto. Por plifaciligo la unua parto de la libro traktas nur en dudimensiaj geometrioj; la ebeno kaj la ĉirkaŭpunkta spaco. La lasta estas reciproka figuro de l' ebeno, t. e. la aro de rektoj kaj ebenoj trairantaj unusaman punkton.

Klasika verko de E. Huntington: La Kontinuo (1907. Gauthier-Villars, Paris) aperis originale en angla lingvo. R. Bricard vidante ĝian grandan valoron esperantigis ĝin kun permeso de l' aŭtoro. G. Cantor konstruis la fundamenton de l' scienco de la klasoj[8]) (klaso = fr. ensemble, ang. class, germ. Menge) en 1895. De tiu tempo la nova scienco estas konstanta objekto de intereso kaj laborado inter la matematikistoj. Oni trovas jam grandan literaturon en ĉiu nacilingvo. Kiome mi konas la koncernantajn verkojn, mi bonkonscience asertas, ke por personoj, kiuj volas komenci studadon de tiu ĉi sciencofako, La Kontinuo de Huntington plej bone konvenas. La libro enhavas tutan rezultaton de l' investigadoj[9]*) de Cantor. Rezultatoj atingitaj de aliaj sciencistoj estas nur legeblaj, kiam oni jam konas la elementojn. Tio ĉi estas ja merito de Huntington. Sed ankaŭ gajno de Esperanto per la traduko estas granda. Por montri, kiel facila estas la kompreno — dank' al Bricard —, mi aludas la fakton, ke iu de miaj konatuloj[10]), kiu havis neniom da emo por Esperanto, trovinte la titolon de la libro ie cititan kaj ne

atentante la komencliteron K, opiniis ĝin itala kaj post aĉeto, kvankam anstataŭ itala lingvo li trovis al si tute nekonatan lingvon, li trastudadis ĝin kun scienca profito.

La aŭtoro de tiu ĉi artikolo aperigis siajn serĉadojn en la absoluta geometrio originale esperante. Elementoj de la Geometrio Absoluta (1911. Ludoviko Kókai, Budapest) pritraktas la du ĝeneralajn geometriojn, kiujn oni povas konstrui, se oni forigas la V-an eŭklidan postulaton, tiun de l' paraleloj. Analitika Geometrio Absoluta, unua volumo: La Ebeno Bolyaia (1910. L. Kókai, Budapest), dua volumo: La Spaco Bolyaia (1912). Tiuj ĉi traktas nur la geometrion hiperbolan (Bolyai-Lobaĉevskian). La unua volumo detale donas la teorion de l' duaordaj kurboj, la konikoj, la dua volumo tiun de l' duaordaj surfacoj.

Mi ne povas fini mian artikolon sen memoro de Th. Rousseau (Dijon). Egale fervora esperantisto kaj matematikisto, li fondis en la komenco de l' jaro 1914-a Matematikan Bultenon, do revuon tute dediĉatan al matematiko. La aperintaj du numeroj ŝajnigis plej belan esperon, sed la mondmilito rompis la entreprenon, ofere postulante la redaktoron.

D-ro C. Vőrős, Budapest.

**Notoj.**

1) En la citita terminaro troviĝas *adici-*, cetere la ĝenerale uzata formo. — 2) Ni preferus: *diferenci-aĵo*, konservante la radikon *diferencial(o)* por la mekanismo. — 3) Ni preferus: *Riemann*-an, *Lobaĉevski*-an. — 4) *rektosegmentoj?* — 5) Ni preferus *unuo de longo*. — 6) Kiel eble pleja? — 7) Ni preferus: *helica movo* aŭ sekvante prof-on *Bricard*, *helicmovo*. — 8) *Bricard* enkondukis *amaso* (*Scienca Gazeto* 1913, p. 33). Ĉu *aro*, uzita de berlinaj matematikistoj, ne estus taŭga? Precipe ĉar *klaso* matematike jam havas ankaŭ alian signifon. — 9*) esplor(ad)oj? — 10) Ni preferus: ... *iu el miaj konatoj*. — *W.* (Red.)

---

# Pri la esperantaj nomoj de la potencoj de mil.

Leginte en ET n-o 62 pri fonto de 15 trilionoj da pudoj da karbo, kaj sciante, ke ekzistas en la mondo du sistemoj de nombrado, mi deziris scii, kiun oni uzas en Esperanto: mi konstatis strangan konfuzon. Por la ordinara vivo ne ofte necesas kalkuli per trilionoj, kvadrilionoj ktp. Sed sciencoj (astronomio i. a.) ofte konsideras grandegajn nombrojn. Por ke estiĝu akordo mi ĉi sube notas la rezultaton 1) de mia serĉado:

1. Laŭ *Raoul Bricard*, „Matematika Terminaro“ (p. 8): Triliono = $10^{18}$.

2. Laŭ *Kabe*, „Vortaro de Esperanto“:
(p. 19) Biliono = mil milionoj (franca sistemo).
(p. 104) Miliardo = mil milionoj.

(p. 164) Triliono = miliono da milionoj.
(p. 91) Kvadriliono = milo da trilionoj.
(p. 92) Kvintiliono = miliono da trilionoj.

3. Laŭ *Boirac*, „Plena Vortaro Esperanto-Esperanta kaj Esperanto-Franca":

(p. 45) biliono = mil milionoj.
(p. 210) miliardo = mil milionoj (milliard).
(p. 325) triliono = mil bilionoj (trillion).
(p. 179) kvadriliono = mil trilionoj.

4. Laŭ *Merkurio*, „Vortaro Nederlanda-Esperanta":

(p. 150) milliard = miliardo, milmiliono.
(p. 33) billioen = biliono.
(p. 245) trillioen = triliono.
(p. 196) quadrillioen = kvadriliono.

5. Laŭ *Grosjean-Maupin*,

A) „Vortaro Esperanta-Franca" (2-a eldono, 1921)[2]):

(p. 134) miliardo = milliard.
(p. 23) biliono* = billion.
*(vidu noton p. XVIII: * montras pridubeblajn aŭ nerekomendindajn vortojn, formojn, signifojn aŭ uzadojn.)
(p. 227) triliono = trillion.

B) „Vortaro Franca-Esperanta" (1913):

(p. 449) milliard = milmiliono, miliardo.
(p. 76) billion = milmiliono, miliardo, mil milionoj.
(p. 631) trillion = biliono$^2$, miliono da milionoj.

6. Laŭ *Verax*, „Vocabulaire technique et technologique (1906)" Fr.-Esp:

(p. 21) Billion (arith) = mil milionoj (biliono signifas 1 000 000 000 000).

7. Laŭ *Verax*, „Enciklopedia Vortareto Esperanta" (kun franca traduko) (1910):

(p. 159) mil'miliono (arit) = (fr.) billion.
(p. 30) biliono (mat.) = (fr.) million de millions, trillion, egalvaloras 1 000 000 000 000.

* * *

Rimarkoj:

La du ekzistantaj metodoj estas

a) la „Franca", laŭ kiu oni nomas po aro da 3 ciferoj, de post miliono:

1 000 000 000 000 000 = quadrillion (franca kvadriliono).

b) la „Flandra", kiu konsideras miliono kiel „unuo":

$10^6$ = miliono
$(10^6)^2$ = bi-liono
$(10^6)^3$ = tri-liono k. t. p.

Laŭ la unua metodo kalkulas Kabe (2.), Boirac (3.)[3].

Laŭ la dua kalkulas: Bricard (1.), Merkurio (4.), Verax (6.-7.)[4].

Kaj, plej strange, laŭ ambaŭ kalkulas Grosjean-Maupin. En vortaro Esperanta-Franca la unua metodo estas uzata (5. A), en vortaro Fr.-Esp. la dua (5. B).

Fakte la dua metodo estas pli internacia, kaj samtempe pli regula: la esponanto[5] de $10^6$ ja montras, kiun prefikson (bi, tri. . .) oni devas uzi.

Ni prefere do uzu ĝin.

---

P. S. Mi dividas laŭ „Franca“ kaj „Flandra“ metodo, ĉar eĉ ne estas eble dividi laŭ ekzemple latingenta[6] (franca . . .) kaj germangenta[7] (flandra . . .) metodo, kiel montras la laŭlanda uzado de ambaŭ sistemoj.

Laŭ la Franca metodo kalkulas, krom la Francoj, la Angloj[8], la Hispanoj, k. c., la Flandra sistemo: la Nederlandanoj, la Italoj, la Svedoj, k. t. p.[9])

Mi volonte ricevus de diverslandaj gekolegoj sciigon pri la sistemo uzata en ilia lando.

*Victor Hendricx*, Gent (Belgujo).

**Notoj de la redaktejo.**

1. Ni preferus: *rezultaĵon.* — 2. La signifo de *biliono* eble nur pro forgeso restis el la unua, pli franceca eldono (1910). — 3 Ankaŭ *Fulcher/Long* (1921), kontraŭ la brita kutimo: "billion (1 000 000 000 000) = triliono". — 4. Ankaŭ *Zamenhof (Jürgensen)*: biliono = „Billion (1 000 000 000 000)“. — 5. Ni preferus: *eksponento.* — 6 *latinida.* — 7 *ĝermanida.* — 8. Nur la amerikanoj, ne la britoj. — 9. Ankaŭ la britoj Plue la rusoj, kiel konfirmas al ni redaktejo de rusa gazeto; la rusa budĝeto estas starigita en trilionoj!

Resume: Se n estas la eksponento de 10 (= la nombro de la nuloj), la sistemo amerika-franca-rusa nomas la unuojn laŭ $\frac{n-3}{3}$, la brita-germ. laŭ $\frac{n}{6}$.

| | A *(Am.)* FR | A *(Br.)* G |
|---|---|---|
| $10^{3\cdot 2}$ | miliono | miliono |
| $10^{3\cdot 3}$ | { miliardo / biliono | miliardo |
| $10^{3\cdot 4}$ | triliono | biliono |
| $10^{3\cdot 5}$ | kvadriliono | mil bilionoj |
| $10^{3\cdot 6}$ | kvintiliono | triliono |
| $10^{3\cdot 7}$ | sekstiliono | mil trilionoj |
| $10^{3\cdot 8}$ | septiliono | kvadriliono |

Ankaŭ ni, kiel s-o *Hendricx*, preferas la Zamenhofan, t. e. la britan-germanan sistemon.

11. 8. 22 *W.*

---

## $5_8$ Pri la botanika terminaro.

Artikolo „Esperanto und die botanische Nomenklatur“ (Esp. kaj la botanika nomenklaturo) de *Willy Thielking, Breslau* en la gazeto *Der Arbeiter-Esperantist*, febr. 1922 (Eldonejo: *Deutscher Arbeiter-Esperantisten-Bund, Hannover, Asternstr. 36*).

Artikolo „Esperanto kaj la botanikaj nomoj. Respondo al la artikolo de *W. Thielking, Breslau*“ de *P. Christaller, Stuttgart* en la gazeto *Der Arbeiter-Esperantist*, aprilo 1922.

---

## $6_1$ La medicina terminologio.

Verkis: D-ro *Vilmos Austerlitz*, kuracisto en *Bardiov* (Slovakio).

Jam en jaro 1909 publikiĝis nia samideano D-ro *Uhlmann* artikoleton pri la esperanta medicina terminologio. Poste nia neniam forgesebla D-ro *Dor*, universitata profesoro en *Lyon*, okupis sin pri la sama temo. Sed miaopinie la konfuzo de la esperanta medicina terminologio radikale kaj definitive nur tiam estos forigata, se oni antaŭe la ĝisnunan, plejparte latin-grekan terminologion plibonigos kaj elfunde renovigos.

En la diversaj fakscienco jam delonge regadas la klopodo, parte jam realigita, — la malsamajn ideojn laŭsence nomi, tio estas, ke la nomo de la ideo harmoniu kun ĝia esenco. Oni scias, ke ekzemple ĉiuj al la ĥemio apartenantaj ideoj laŭ unu universale akceptata regularo, kun severa precizeco estas nomataj. La periodo de *„oksidul“*-oj [1]) kaj „kloruer“-oj [2]) pasis, kaj en la ĥemio sukcesis [3]) forigi sen ia emocio aŭ ekskuiĝo la malnoviĝintajn kaj malkonvenajn esprimojn kaj nomi la nove ekaperintajn fenomenojn aŭ la nove eltrovitajn ĥemiajn kuniĝaĵojn [4]) laŭ unu ĉie kaj ĉiam taŭga sistemo. Kiom grava estas tiu ĉi cirkonstanco ĝuste en la ĥemio, kie troviĝas miriadoj da teĥnikaj terminoj, — ŝajnas al mi superflue por diskuti; same ne estas necesa [5]), almontri la neeviteblan konfuzon, kiu regadus sur tiu ĉi scienca teritorio, se la unueca nomdevigo tie ne ekzistus.

En la anatomio fiksadis — laŭscie — la Basela [6]) anatomiista kongreso unuecan nomenklaturon, kiu, malgraŭ la multnombraj mankoj, atingis kvazaŭ dogman signifon, kaj, rilate la disvastigadon, tree plifaciligis la instruadon de l' anatomio.

Sed en la diversaj klinikaj fakoj regadas — koncerne la nomenklaturon — granda konfuzo, kiu — supraĵe konsiderate — eble ŝajnas sensignifa; sed pli serioze pripensante, oni konvinkiĝos, ke la ĥaoso regadanta sur la teritorio de kuracista terminologio kaŝas danĝerojn, kiuj ĉiuokaze estas forigotaj [7]). Ke tiu ĉi malbono estas deturnota, pruvas la fakto, ke en la diversaj fakkongresoj, kaj en la kuracista gazetaro ĉiam pli energie estas

akcentata la devo de plibonigado kaj definitiva fiksado de la klinika terminologio, kaj jam libraro estas kunmetebla el la verkoj, en kiuj aŭtoroj, nome Prof. *Dor, Gegenbaur, Orth, Ewald, Triepel* ktp. propagandas la forigon de malkorektaj esprimoj kaj anstataŭadon per taŭgaj, konvenaj terminoj.

Kiom da malkompreniĝoj kaj konfuzoj kaŭzas la arbitro kaj senkonsekvenceco de la medicina onomatologio[8*], pri tio ĉiuj konvinkiĝis, kiuj literature aŭ pedagoge funkciadas en ia fako de la medicina scienco. La malfacilaĵoj estas diversaj; unuparte embarasas, ke iu simptomo aŭ malsano ĝuste kontraŭe al sia esenco estas nomata, kiel la sekvontaj ekzemploj montros. La kaŭzo de tiuj ĉi malkorektaĵoj estas jena, ke la nomoj pleiparte estas devenaj de la pratempo, kiam la klinikistoj ĵuris je la „humoralpatologio" [9]) kaj la anatomiistoj estis devigataj nur je sekcado de bestoj kaj estis tiel naivaj, ke ili ekzemple la supran, rektan okulmusko'on nomis „religia", ĉar ĝi ĉielen direktas la okulon, la malsupran „modesta", la lateralan [10*]) muskolon, flanken direktanta la okulon „*amatoria*", kaj la medialan [11*]) „*bibitoria*" t. e. drinkema, ĉar ĝi precipe ĉe drinkemuloj funkciadas, kiuj la iom post iom kliniĝantan glason rigardante sekvas. Tiutempe nek la mikroskopo nek la bakterioj [12]) estis konataj, nek la plej elementaj fiziologiaj proceduroj [13]) kaj tamen restadis la tiutempe kreitaj nomoj eble pro pieco aŭ plie pro kutimo. Tial nomiĝas eĉ hodiaŭ la retenciaj* cistoj [14]) de la utero „*ovula*", t. e. ovetoj *Nabothi*, la melankolio devenas de „*melas*" kaj „*chole*" = nigra galo, kaj la reŭmatismo signifas: fluo (*rheo* = flui.)

Alia malbonuzo estas, ke kelkaj esplorantoj uzas la patognomostikan [15*]) simptomon de ili unue observatan aŭ la rekomendatan terapeŭtikan enmeton [16]) kiel garantiilon por sia senmorteco kaj nomas ĝin laŭ sia propra nomo. Tiamaniere naskiĝis la kristaloj de „*Charcot* kaj *Leyden*", la spirado laŭ „*Cheyne-Stokes*", la linio „*Roser-Nélaton*" kaj la „reakcio *Wassermann-Neisser-Bruck*". La vortrezoro pliriĉiĝis per novaj verboj, ĉar ni „finsenas, röntgenas, esmarchas kaj ultzmannas" [17]) la malsanulojn.

Kian strangan malkomprenon kaŭzas kelkfoje la trouzado de propraj nomoj, tiurilate mi citas la malsanon „*Patella*", kiu neniel koncernas la „*patella*"-n (patelon), ja rilatante la piloran stenozon de ftizuloj, kaj ricevis la nomon de la itala esploranto Vincenco [18]) *Patella* el *Siena*.

La „tenonito" [19*]) absolute ne signifas malsanon de tendeno, kiel ekzemple la „tenotomio" [20*]) esprimas tiurilatan tranĉon, sed koncernas brulumon de la „*Tenon*-a kapsulo" enokula, devenante de la franca okulisto: *Tenon*. Konfuzojn kaŭzas la cirkonstanco, ke kelkaj nacioj malsame nomas la saman medicinan ideon. La malsano ĝenerale konata sub la nomo „anemio *perniciosa*" [21]) figuras [22]) en Anglio kiel „*Addison*-a anemio". La lasta nomo donas neniam apogilon rilate la prognozon, kontraŭe

la atributo „*perniciosa*“ signifas la danĝerecon de tiu ĉi malsano. Malmultaj do estos, kiuj konus la „*Darkum*-an“ malsanon, la „*Filipovitz*-an“ simptomon aŭ la „*Eichstädt*-an“ malsanon, sed tuj sin orientos, se oni nomas la „*Darkum*-an“ malsanon: „adiposito[23*]) *dolorosa*“, la „*Filipovitz*-an“ simptomon: „palmoplantara[24*]) simptomo“ kaj la „*Eichstädt*-an“ malsanon: pitiriazo[25*]) *versicolora*“.

Kelkfoje vera konkurbatalo okazas inter la fakuloj, se pluaj pretendas por si la baptorajton. Ekzemple *Benneke* pritraktante la kalkiĝadon de la meza tuniko de l' arterioj, nomas ĝin „*Moenckeberga* malsano“. Sed tuj post lia artikolo sekvas la korektaĵo[26]) de la redaktoro, prof. *Orth*, ke li (*Orth)* kaj *Virchow* jam delonge konas kaj konigis tiun ĉi malsanon, la atributo „*Mönckeberg*“ estas do malprave uzurpata.

Malbonuzo estas, ke kvankam ekzistas sufikso, destinita por signifi ian patologian staton, tamen ĝi bedaŭrinde ne estas konsekvence kaj regule konsiderata.

Ekzemple: La sufikso „itis“ signifas la brulumon de ia organo, kiel „*bronchitis*“, *peritonitis, iritis, bursitis*“ ktp. Tiun ĉi sufikson oni almetas al g r e k a nomo de la organo; tial estas la brulumo de l' utero: „*metritis*“, la brulumo de la vagino „*kolpitis*“, de la vejnoj: „*phlebitis*“, de la prepucio „*balanitis*“, spite tio[27]), ke pli simple kaj pli nature estus la nomoj: *uteritis, vaginitis, venitis* ktp., ĉar en la vortoj „*bursitis, gingivitis* kaj *tonsillitis*“ oni ja metis la sufikson „*-itis*“ al la latina radikvorto. Ni ĉiam parolas pri la ovario, sed kiam ĝi ekbrulumas, tuj fariĝas „ooforito“[28*]) anstataŭ „ovarito“[29])! Vere ridinda kaj stranga estas la esprimo „*Bartholinitis*“, ĉar ĝi signifas ja la brulumon de l' estinta anatomisto *Bartholini*, unua priskribinto de la glandoj vestiblaj.

Tute nekonsekvence oni evitis la sufikson „*-itis*“ ĉe la brulumo de l' pulmoj, nominte[30]) ĝin „pneŭmonio“, — la brulumo de faŭkoj: „angino“, la brulumo de subhaŭta histo: „flegmono“. Kontraŭe per „*-itis*“ finiĝas la „*rachitis*“, ne estante brulumo.

La sufikso „*oma*“ signifas neoplasmon; *chondroma, karcinoma* ktp. — sed la „*glaŭkoma*“ kaj „*trachoma*“, neniel apartenante al neoplasmoj, tiel same finiĝas per „*oma*“. (Daŭrigota.)

**Notoj:**

1. En kelkaj lingvoj nomo de oksidoj kun malpli da oksigeno. — 2. En kelkaj lingvoj (G. *Chlorüre)* nomo de kloridoj kun malpli da kloro. — 3. *prosperis.* — 4. *kombinaĵojn.* — 5. *necese.* — 6. Ni preferus: *Basel*-a aŭ bazela. — 7. Ni rekomendas: ...*enda.* — 8*. Fako pri la signifo kaj formado de nomoj (sciencaj). — 9. Ni rekomendas: *umora* patologio.* — 10*. *flanka (Bouchard).* — 11*. *mezaĵa (Bouchard).* — 12. *mikroboj.* — 13. *procezoj?* — 14. Ĉu ne sufiĉus *retenocistoj?* — 15*. Ni rekomendas: *patognomik(o)** kun la adjektivo *-a.* — 16. *enmetaĵon?* por: *rimedon?* — 17. Se la vortoj estas uzataj tiel, necesus fonetike transskribi ilin; ekz. *rentgeni*

(ekzistas ankaŭ *radiografi*). — 18. *Vincenzo* (I) aŭ Vincento (E). — 19*. — 20*. — 21. Ni preferus esperantigi ambaŭ vortojn aŭ konservi ambaŭ en la latina formo. — 22. aperas. — 23*. Estus transskribenda kun z. — 24*. de la manplato kaj piedplando. — 25*. haŭtmalsano perdiganta har terojn. — 26. Ni preferus: *korektigo*. — 27. Ni preferus: *spite tion* aŭ *spite al tio*. 28*. — 29. Ni preferus regulan *ovari-ito*.

Post fordono de la manskribita manuskripto al la presejo ni vidis, ke la artikolo aperis jam en „Kuracisto“ (1915, aprila kajero k. s.). Malgraŭ tio ni esperas, ke ĝi trovos la intereson de la legantoj.

*S.* *(Red.)*

---

## Pri la Inĝeniera Terminaro.

Artikolo „La kranka mekanismo aŭ transmisiilo“ de *Eugen Wüster* en la gazeto „*Esperanto*“, febr. 1922.

---

# Redakteja Korespondo.

## Ricevitaj Manuskriptoj:

(A. = certe aperonta. N. = certe ne aperonta.)

*K.*, „Sortaj Demandoj pri Esperanto“. *H.*, „Pri Esperanta Numerigado“ (La esp-aj nomoj de la potencoj de mil). *A.*, „Pri fondo de lingvoscienca sekcio“.

---

## Dezirataj Manuskriptoj:

(Vidu la programan artikolon. — Se iu dezirus skribi artikolon pri la temo de ĉi-supre anoncita manuskripto, ni volonte rilatigus lin kun la alia aŭtoro. Se plena interkonsento ne estos atingebla, ni klopodos pri samtempa, ev. paralelteksta aperigo de du artikoloj.)

Pri transskribo de determinitaj sonoj kaj sonogrupoj el la naciaj lingvoj en Esp-on (modelo kaj elmontro de unuopaj problemoj en la venonta kajero.) Precizaj kaj kiel eble plej kompletaj listoj de jam presitaj terminologiaj laboraĵoj por ĉiu fako; informoj pri pretigataj aŭ jam pretaj terminaroj ne presitaj. Artikoloj pri la ĉefaj principoj sekvendaj ĉe starigo de la terminaroj por la unuopaj fakoj. V. antaŭ ĉio la programan artikolon.



# BIBLIOGRAFIO.

## La rolo de scienca literaturo en la propagando de Esperanto.

Mi ne havas intencon malmulte ŝati aranĝon de kongresoj esperantistaj. Oni ja bone scias, ke la neesperanta mondo ne ekrimarkas nian movadon, se ni ne donas signon de vivado, manifestadon de nia entuziasmo. Tamen mi kuraĝas aserti, ke aranĝo de kongresoj ne estas la plej laŭcela rimedo por diskonigi la utilecon de nia lingvo. Indiferenta publiko post kelkaj tagoj forgesas la impreson vekitan de esperantista kongreso en sia urbo. Daŭran efikon havas nur restantaj monumentoj.

Oni povas mezuri kulturon de iu nacio per ĝia literaturo. Same la valoro de iu lingvo por alilingvuloj estas despli granda, jupli granda estas la aro de verkoj en ĝi publikigitaj. Malgrandnacianoj devas ellerni plurajn lingvojn, ĉar en ilia lingvo eldono de verkoj, precipe specialfakaj, ne ĉiam estas ebla pro la malmulteco de konvenaj legantoj. Ekzistas fakoj, kiuj havas tiel malmultajn adeptojn, ke la eldonspezo de tiafakaj libroj estas grave pripensinda al eldonisto eĉ en grandaj landoj.

La utileco de Esperanto al scienculoj nur tiam estos evidenta, kiam ĝi havos tiel evoluciintan literaturon, ke diversaj sciencistoj trovos verkojn originale esperante redaktitajn aŭ esperantigitajn.

Kio estas do nun nia devo? Ni devas unue doni raporton pri nuna stato de l' ĝisnun aperintaj verkoj esperantaj, aparte ĉiufakaj. Tiu ĉi tasko ne estas facila. La militaj jaroj izolis la esperantiston, tial neniu povas pretendi, ke li konus komplete la esperantan literaturon de sia fako. Per helpo de nia internacia scienca revuo estas tamen efektivigebla tiu ĉi tasko. Ĉiu samideano komencas la laboron, publikigas tiom, kiom li konos, ne timante la kritikon, se li eble forlasos gravajn verkojn, kiuj tamen al aliaj samideanoj estas konataj! La daŭrigo kaj kompletigo estos devo de la legantoj. Tia ĉi maniere la raporto de l' revuo post iom da tempo fariĝas kompleta. Por veki intereson la publikiganto donos mallongan priskribon pri temo kaj enhavo de la libroj, nomante ankaŭ la eldoniston aŭ la librejon, kie ĝi estas aĉetebla.

Poste la revuo donos ĉiam raporton pri la nove aperontaj verkoj. Por ebligi tion ĉi, ĉiu aŭtoro sendos specimenon de sia verko al la redaktoro de l' revuo.

Kvankam originalaĵoj estas preferindaj, ankaŭ tradukoj de famaj verkoj havas grandan valoron el vidpunkto de propagando.

Nature, oferemo estas necesa el la parto kaj de l' aŭtoro kaj de la legantoj. Oni pripensu, ke el la afero esperanta neniu povas deziri profiton, kontraŭe la afero mem postulas oferon.

D-ro C. Vőrős, Budapest.

La propono de d-ro *Vörös* estas tre subteninda kaj tute konforma al niaj intencoj.

La Scienca Revuo enhavos konstantan rubrikon „Bibliografio", gvidotan laŭ la sugestoj de d-ro *Vörös*. En tiu rubriko estos pritraktata ne nur la scienca, sed ankaŭ la ĝenerala verkaro; kiu estas preta kunhelpi, listigante la sialandajn aperaĵojn de la lastaj jaroj, bonvolu informi la redaktejon. Por eviti duoblan laboron, ni jam ekrilatis kun la biblioteko iam Davidov-a kaj kun la Centra Oficejo. En la helsingforsa kunveno de sciencistoj nia ĉefredaktisto klopodos altiri la intereson al la bibliografia afero.

*(Red.)*



# ESPERANTO EN LA PRAKTIKO.

## Leĝoscienco kaj Esperanto.

La demando pri regateco estas precipe grava en Egipto. Laŭ internaciaj traktatoj la fremduloj ĝuas en Egipto multajn gravajn privilegiojn; ekzemple ili ne estas juĝeblaj de lokaj juĝejoj, sed nur de siaj naciaj, ili estas liberigitaj preskaŭ de ĉiuj impostoj, en iliajn domojn nenia Egipta oficisto rajtas eniri k.t.p. Kompreneble do, ke multaj veraj Egiptanoj ĉiapere penas akiri fremdlandan regatecon, aŭ almenaŭ protektadon de iu fremdlanda Konsulejo, kaj aliflanke Egipta registaro ĉiupere penas kontraŭi la ŝanĝon de egipta regateco, aŭ almenaŭ kontroli la laŭleĝecon de tiu ŝanĝo.

Preskaŭ en ĉiu afero oni estas devigita decidi la demandon pri nacieco, por almenaŭ scii, kiu devas kaj povas juĝi la aferon. La afero komplikiĝas ankoraŭ per la neekzisteco de kompara leĝaro, kie oni povus trovi diversnaciajn leĝojn pri en- kaj elregateco, kaj kompreneble, oni ne povas koni ĉiujn lingvojn sufiĉe por studi ĉiunaciajn leĝojn ĉiunacilingve. Ĉiutage renkontante tiun malfacilaĵon, mi pensis, ke nur esperantista juristo povas verki tian komparan leĝaron, pere siaj diversnaciaj kolegoj. Tial mi je la jaro 1913 decidis okupiĝi pri tiu studo kaj skribis al iaj membroj de tiam ekzistanta Asocio de Esperantistoj-juristoj, petante sendi al mi naciajn leĝojn pri en- kaj elnacieco, se eble esperantigitajn, aŭ almenaŭ tradukitajn france. Bedaŭrinde, dum la milito mi, vojaĝante kaj translokiĝante, perdis kelkajn respondojn, kaj sur kelkaj respondoj, kiujn mi nun konservas, mi ne trovas la nomon de la sendinto. Tutokaze mi povas citi: Seppaĝan (maŝinskribitan) studon pri regnaniĝo en Venezuelo, bonege esperantigitan de la aŭtoro, kun multaj klarigoj. Bedaŭrinde la nomo de aŭtoro ne konserviĝis, sed mi pensas, ke en Venezuelo loĝis nur unu membro de la As. de Esp. Jur. — tial mi esperas ke iu ajn el kolegoj, kiu konservas la liston de membroj, komunikigos al mi la nomon de venezuela kolego. S-roj advokatoj Van Stipriaan Luiscius & Montijn en 's-Gravenhage afable komunikigis al mi france la tekston de holanda leĝo de 12-a de Decembro 1892 (N. 268); s-ro Advokato Emilio Gas[illegible] en Zaragoza tradukis en Esperanto Hispanan Reĝan dekreton pri Hispaniĝo de fremduloj de 17-a de Novembro 185[illegible] kaj eltiraĵojn el Civila Leĝaro de 6-a de Oktobro 1888, kaj sendis al mi kune kun siaj klarigoj, tre gravaj, ĉar la leĝo estas nek klara nek plena; s-ro Fr. Baruel sendis al mi plenan kaj prilaboritan raporton pri Danaj leĝoj por akiro de regateco laŭ la leĝoj de 1866 kaj 1898. La lasta komunikaĵo, kiun mi trovas, estas la letero de iu Meksikana samideano — ne juristo (tiam

neniu membro de As. de Esp. Jur. loĝis en Meksiko), kiu laŭ mia peto demandis sian advokaton kaj esperantigis lian respondon, komunikante al mi la leĝon de 28-a de Majo 1886.

Mi estis studanta la ricevitan materialon, kiam komencis la milito. La interkomunikado iĝis malfacila, preskaŭ ne farebla, kaj mi estis devigita ĉesi mian laboron.

Nun, post la milito, ĉiuj estraroj iĝis iom pli postulemaj je deklaroj pri regateco, kaj tutokaze demandas seriozajn pruvojn ne nur de nuna regateco sed eĉ de estinta laŭleĝa akiro de ĝi. Aliflanke Egipta registaro ne konsideras pli ke nura deklaro de fremdeco sufiĉas, sed demandas ĝustajn pruvojn; la nacianoj de novaj regnoj ne ĝuas en Egipto privilegiojn — do se kelkaj patriotoj deziras esti konsiderataj, laŭ sia nova regateco, aliaj penas eviti ĝin. Kaj *neniu konas nek leĝojn de novaj regnoj nek ŝanĝojn de leĝoj en malnovaj regnoj.*

Oni komprenos nun, ke intencita de mi antaŭ la milito studo estas nun eĉ ankoraŭ pli necesa ol antaŭmilite, kaj mi estas certa, ke se mi sukcesos verki ion vere kompletan, mia verko estos vere utila. Mi mem eldonos ĝin france kaj esperante, por ke ĝi estu bona propagandilo por nia lingvo, ĉar mi estas certa, ke ĉiu egipta juristo havos ĝin sur sia skribtablo.

Ĉio nun dependas je la kolegoj-juristoj, kaj mi petas ilin ke ili kunlaboru kun mi en mia nur peresperante farebla, ŝajne unua praktike jurista esperanta verko. Sed mi estos ebla fari ĝin nur se mi estos helpita de kolegoj-juristoj en ĉiuj novaj kaj malnovaj landoj. (En suprecititaj landoj, kies leĝojn mi jam havas, oni nur komuniku, se tiuj leĝoj nun estas ŝanĝitaj). Mi petas do ke ili interkomuniku kun mi tuj, antaŭ ol komenci esperantigadon, por ke mi povu de nun scii en kiu lando mi havos korespondantojn-juristojn, kaj serĉi interrilatojn en aliaj landoj almenaŭ kun ne juristoj-esperantistoj, petante ilin konsulti iliajn juristojn-konatulojn. Mi esperas, ke mia alvoko ne restos sen respondo, kaj ke, eldonante mian verkon, mi povos citi kunlaborantojn vere el ĉiuj landoj! Se por manko de tempo aŭ aliaj kialoj oni trovos malfacile esperantigi leĝojn, mi estas nun ebla legi ilin ankaŭ france, angle, itale, ruse kaj hispane. Ankoraŭ unu vorton: se, okaze, la leĝoj ne estas sufiĉe klaraj, estus dezirinde ke oni aldonu komentariojn kaj klarigojn.

Ĉi supre mi forgesis diri, ke preskaŭ al ĉiu ricevita artikolo pri leĝoj mi ricevis kunmetitan eksplikfolion de esprimoj uzitaj de verkisto, ĉar precizaj juraj terminoj tute mankas, kaj ĉiu korespondanto uzis aliajn vortojn, pli aŭ malpli taŭgajn. Ekzemple „Regnaneco“, „regateco“, „nacieco“ estis uzataj samsence, ankaŭ multaj aliaj vortoj — tial ke mi devis elekti iun ajn, aŭ kelkfoje verki novan, se la uzitaj ne kontentigis min; do ĉiu antaŭpuŝo alproksimiĝanta la kreadon de teĥnika vortaro estas kore bonvenata de mi!

Ĉiu korespondado estu adresota al Advokato Georgo Wilken, 4, Farahde str., Aleksandrio, Egipto.

### Etnografio helpita per Esperanto.

En la numero 9-a (de la 26-a de febr. 1922) de la bonekonata germana gazeto „Umschau" (=Revuo), kiu pritraktas precipe la natursciencojn ĝeneralajn, nia samideano kaj membro Dr. Egon von Eickstedt, Freiburg i. Br., publikigas artikolon „Eine aussterbende Hausform in Italien" (Estingiĝanta domformo en Itallando). Sur paĝo 131 ni trovas (germanlingve) jenan aldonan noton: „Pro ampleksa helpo al miaj studoj, mi estas kompleza kore dankante al la Esperanto-Delegitoj en Padova (ril. al U. E. A. Red.) Univ. Prof. Comandt. Dr. Alessio kaj G. Saggiori!" *D.*

---

### Italoj kaj Nederlandanoj atentu!

Kiel biografo de la fama anatomo Alfonso Corti (nask. la 15-an de junio 1822 en Gambanrana, mort. la 2-an de okt. 1876 en Casteggio (prov. Pavia) mi serĉas interrilatojn kun sciencistoj, por heligi la sufiĉe malhelan biografion prec. la restadon en Utrecht (ĉirkaŭ la jaro 1850). Pro deziritaj detalaĵoj kaj datoj oni sin turnu al Prof. Dr. G. Brückner, Fürstenschule, Grimma (Sa.), Germanl.

---

### Al Usonanoj!

Konstruante modernan teatron, mi serĉas helpon per sciigoj, artikoloj, fotografaĵoj ktp. pri teatra tekniko kaj sceneiaj efektaĵoj, prec. pri lumigado de la scenejo! Precipe dankinda mi estus por alsendo de: Electrical World, Vol. 66, Nr. 5—9, 1916, kiu ne estas havebla en Germanl.! Se ne estus efektivigebla la alsendo de la originalo, sufiĉus ankaŭ la kopio (aŭ traduko) de la artikolo trovebla en ĝi pri teatra tekniko k. scenejaj efektaĵoj!

Dipl. Inĝ. W. Unruh, Hebbelstr. 2, Charlottenburg, Germanl.

---

### Esperanto ĉe natursciencistoj.

La naturscienca „Société Linnéenne de Lyon" kalkulas pli ol 500 membrojn en plej diversaj landoj de l' tuta mondo, kaj baldaŭ festos sian centjaran jubileon. Gi akceptas uzi Esperanton por faciligi la interŝanĝojn kaj la korespondadon. Ĝi sendas al ĉiuj siaj membroj duonmonatan bultenon (en kiu petoj kaj proponoj pri interŝanĝoj de natursciencaĵoj povas esti senpage presataj en Esperanto) kaj jaran volumon, kiuj enhavas plej diversajn studojn pri floroj, fungoj, insektoj, papilioj, konkoj, mineraloj k. a. Kotizoj (10 fr. fk.) kaj informpetoj estu adresataj al [illegible]o Farges, del. UEA, 36 rue Victor Hugo, Lyon.

(El Esp. Triumf. N-o 78 de 2-a de aprilo 1922).



# SCIENCAJ KONGRESOJ.

En Leipzig

okazos de la 17-a ĝis la 24-a de sept. 1922 Centjara Jubilea Kongreso de Germanaj Natursciencistoj kaj Kuracistoj (Jahrhunderttagung Deutscher Naturforscher und Ärzte). Samtempe oni okazigos diversajn ekspoziciojn ril. al la urbo kaj la asocio antaŭ 100 jaroj! Certe ĉeestos kelkaj el niaj germanaj samideanoj kaj membroj, kiujn ni kore petas ne lasi pasadi tiun ĉi bonegan okazon al propagando por Esperanto kaj nia Int. Scienca Asocio. Partoprenontoj bonvolu sciigi siajn nomojn kaj adresojn al la redaktejo, ke ni povu havigi al ili propagandmaterialon kaj la nomojn reciproke! *(D.)*

(Laŭ taga ĵurnalo.)



# OFICIALAJ SCIIGOJ DE INTERNACIA SCIENCA ASOCIO.

Unua Cento
de membroj pagintaj:

1. Baesens, Mechelen
2. adv. Grovermann, Gentbrugge
3. Hendricx, Gent
4. f-ino De Kneef, Gent
5. Petiau, Gent
6. inĝ. Vandevelde, Gentbrugge
7. f-ino Dr Cass, Lincoln
8. Dulch, Lincoln
9. Prof. Atanasov, Sofia
10. Prof. Baĉvarov, Tirnovo
11. Gaŝevski, Bela Slatina
12. Prof. Karanĝulov, Varna
13. juĝ. Ludev, Loveĉ
14. juĝ. Mavrodiev, Nevrokop
15. Milĉev, Varna
16. adv. Petkov, Sofia
17. Simeonov, Sofia
18. adv. Slavov, Sliven
19. Dr Austerlitz, Bardiov
20. Dr Hoffmann, Zilina
21. inĝ. Taumose, Köbenhavn
22. Thorbjörn, Ostervraa
23. Grünthal, Narva
24. Grünthal, Haapsal
25. Sakaria, Tallinn
26. Tamverk, Haapsal
27. General Sebert, Paris
28. adv. Aron, Königsberg
29. Barwinski, Königsberg
30. inĝ. Bassi, Berlin
31. inĝ. Brockmann, Uerdingen
32. Bünemann, Hamburg
33. Deubel, Dresden
34. Fast, Königsberg
35. Fischer, Dresden
36. Dr Freudenberg, Berlin
37. Dr Fröhlig, Werdau
38. Greff, Elbing
39. inĝ. Heinze, Oberlössnitz
40. Dr Jentsch, Riesa
41. Prof. Kayser, Riesa
42. Prof. Kirsten, Chemnitz
43. Kröber, Bobersen
44. dir. Kunze, Seifhennersdorf
45. Dr Lippmann, Leipzig
46. pastro Madlener, Gaustadt
47. Marquard, Münster
48. Naumann, Werdau
49. Dr Nitz, Königsberg
50. Prof. Dr. Reichel, Kamenz
51. Rippel, Würzburg
52. Prof. Dr Rosenhauer, Grossenhain
53. Univ.-Prof. Dr. Schmidt, Berlin
54. Steinhausen, Dresden
55. Strauss, Halle
56. inĝ. Unruh, Berlin
57. Wüster, Berlin
58. Dr Aguilar, Valencia
59. Dr Albiol, Valencia
60. s-ino dir. Dominguez, Valencia
61. Dr Fenollosa, Valencia
62. Dr Llorens, Pedralva
63. s-ino dir. Martinez, Valencia
64. Dr Marzal, Valencia
65. adv. Marzal, Valencia
66. adv. Pino, Valencia
67. Univ.-Prof Riba, Valencia
68. Simon, Malaga
69. Soler, Valencia
70. Prof. Ventura, Valencia
71. f-ino Yanguas, Valencia
72. Rados, Budapest
73. Dr Jonsson, Isafjördur
74. Thorsteinsson, Reykjavik
75. Kom. Prof. Alessio, Padova
76. mark. Generalo di Montezemolo, Castiglioncello di Livorno
77. Prof. Meazzini, Firenze
78. inĝ. Nanni, Genova
79. Saggiori, Padova
80. Dr Stromboli, Torino
81. Prof. Toschi, Cologna Veneta
82. Univ.-Prof. Andonovic, Beograd
83. Klajiĉ, Beograd
84. Allan, Montreal
85. Bardorf, Westmount
86. White, Vancouver
87. inĝ. Pratley, Westmount
88. Klimas, Kaunas
89. Maĉernis, Kaunas
90. von Medem, Kaunas
91. Prof. Opulski, Kaunas
92. Prof. Ruokis, Dotnava
93. Prof. Dr. Baart de la Faille, Arnhem
94. inĝ. Isbrücker, s'Gravenhage
95. Dr Mees, s'Gravenhage
96. van Tinteren, Amsterdam
97. Bonnevie, Kristiania
98. pastro Cseh, Cluj
99. Halász, Targu-Mureŝ
100. Dr Németh, Timiŝoara

**Zorgu, ke ĉiu kajero povu enteni centon da novaj membroj!**

# Raporto
## pri la agado rilate la novstarigon de Int. Scienca Asocio kaj Scienca Revuo.

(Verkis *D-ro Walter Döhler*, Riesa.)

### Listo de artikoloj pri I. S. A. ktp.

(Daŭrigo el „Informilo".)

Esperanto Triumfonta.

1922 n-o 87. TEKA (Róbin)
„ „ 88. Instruistoj, Studentoj, Sciencistoj en La XI-a Germana Esp. Kongreso en Breslau (Hurler)
„ „ 93. Sciencistaj kunvenoj en Helsinki (Lappi, Salokannel, D.)

Esperanto (Genf).

1922 n-o 4. Kuracistoj (Róbin)

Germana Esperantisto.

1921 n-o 10. Raporto pri la laboro de TEKA en Praha (Kleider)
„ „ 12. Esperanto und die Wissenschaft (germanl.) (D.)
1922 „ 2. Wer hilft mit? (germanl.) (D.)
„ „ 3. Esperanto-Vereinigung Deutscher Lehrer (germanl.) (Sohrmann)
Tutmonda Esperanta Kuracista Asocio (Kleider)
„ „ 4/5. Internacia Scienca Asocio (germanl.) (D.)
„ „ 7. Esperanto-Vereinigung Deutscher Lehrer (germanl.) (Sohrmann)

Ĉeĥoslovaka Gazeto + Nova Eŭropo.

1921 n-o 5. Ĉ. G. Fakaj kunvenoj de Esperantistoj-Sciencanoj (Kamaryt)
1922 „ 1 (7). N. E. Scienca gazeto esperantista (Kamaryt)

La Marto.

1921 n-o 10. La Sciencistoj. 2. VIII. (Sub Fakaj kunvenoj) (?)

Razvigor.

(Bulgara Literatura Gazeto.)

29. Okt. 1921. Noto pri I. S. A. kaj I. S. Rev. en bulgara lingvo (Krestanoff)

Nova Tempo.

1921 n-o 20/21. Novstarigo de Intern. Scienca Asocio kaj Scienca Revuo (Sós)

Internacia Komerca Revuo.

1922 n-o 23. Internacia Scienca Asocio (Unger)

La Ligilo inter Kanadaj Esperantistoj.

1922 n-o 2. I. S. A. (sub Tutmondaj Novaĵoj) (Pratley)

Egipta Esperantisto.

1922 n-o 2. Novstarigo de Internacia Scienca Asocio kaj Scienca Revuo (Wilken)

Bizantio.

1921 n-o 6. Novstarigo de Internacia Scienca Asocio kaj Scienca Revuo. Laŭvorta represo de la unuaj 3 paĝoj de nia flugfolio samtitola.

La Revuo Orienta.

1922 n-o 4. Sub Eksterlanda Kroniko noto japanl. pri Sc. Revuo (Ossaka).

---

## I. S. A. kaj aliaj unuiĝoj.

Rilate la konforman agadon kun aliaj sciencaj unuiĝoj mi nur volas resumi mallonge la akiritajn rezultatojn. La espero al unuigo de aliaj sciencaj asocioj en nia I. S. A. jam esprimiĝis en Praha kaj plue en la flugfolio „Novstarigo . . .". La unua kaj plej grava akiritaĵo estis la T. E. K. A., kies kunfandiĝon mi povis diskonigi en januaro 1922, dank' al afabla cedemo de ambaŭ flankoj. Precipan dankon meritas D-ro Róbin.

La marto 1922 alportis al ni provizoran interkonsenton kun Esperanto-Vereinigung Deutscher Lehrer (Esp. Unuiĝo de Germanaj Instruistoj). La korporacia aliĝo al la Sekcio pedagogia fariĝis definitiva per unuvoĉa decido okaze de la Germana Kongreso en Breslau je Pentekosto. Precipan dankon meritas S-o Thiel.

Post antaŭirantaj intertraktoj okazis dum la sama kongreso la transformado de la (iama) Deutsch-Akadem. Esp. Bund (Germana Akademia Esp. Ligo) en la (nunan) Deutsch. Wissenschaftl. Esp. Verband (Germana Sc. Esp. Ligo) kaj ĝia korporacia aliĝo al I. S. A. per same unuvoĉa decido.

En la sama kongreso plue okazis prepara kunveno de Studenta Ligo Esperantista, al kiu la Raportanto estis oficiale invitita de la Ĝenerala Sekretario de la Ligo. La ĉeestintaj gestudentoj el 5 nacioj diskutis la aliĝon de sia Ligo kiel aparta Sekcio de I. S. A. Ni povas esperi de la Kongreso en Helsinki la definitivan decidon de aliĝo.

---

## La arkivoj kaj agadmaniero.

Tuj ĉe la komenco de la agado montriĝis necese starigi bankkonton krom la kontanta kaso. Estis direktataj Kaslibro kaj aparta Valutoj-libro. La tuta kasa agado alportis grandan laboron, parte nenecesan! La alilandaj monbiletoj, (ankaŭ ĉekoj kaj poŝtmarkoj) ne povis kaj ne devis esti tuj vendataj. Plue alvenis multaj kotizoj kaj eraraj pagoj, kies registrigo aŭ re- kaj transpago devis esti zorgataj. La elspezoj bezonigis la direktadon de kelkaj ordigiloj por la diversecaj kvitancoj.

Precipa zorgo devis esti la akiro de adresoj sciencistaj. Per prilaborado de ĉiuj senkoste haveblaj gazetoj kaj ĵurnaloj esperantaj mi povis kolekti en kartoteko ĝis nun pli ol 2000 adresojn de sciencistoj esp-aj aŭ esp-emaj. Por la aliĝintoj estas aranĝita aparta kartoteko, kiu nun estas transformata en kartotekon por la pagintoj.

Poŝtaĵoj alvenintaj kaj kopioj de forsenditaj leteroj kaj poŝtkartoj bezonis apartajn leterordigilojn. La kopiado estas multe favorita per memposedo de skribmaŝino.

Kiam mi aldonas, ke preskaŭ ĉiuj gazetartikoloj kaj notoj pri nia afero estas kolektitaj en apartaj arkivoj, ĉiu komprenos, ke tiom da laboro ne estis farebla de unu persono sola! Tial mi baldaŭ salajris helpan sekretarion, kiu laboris ĉiutage unu horon.

---

## Tempo de realigo

venis en jan.-febr. kiel frukto de nia konstanta semado.

Kiam la nombro de aliĝoj proponita en Praha vidiĝis baldaŭ akirata, la Raportanto intertraktis (laŭ decido en Praha) kun S-o Rollet de l'Isle pro prezidanteco de I. S. A. Per helpo de tiu provizora Prezidanto sukcesis starigi provizoran estraron.

Same ni sukcesis akiri Redaktoraron por la Revuo kaj poste veni al interkonsento kun la Eldonejo Jung rilate la eldonadon de la Revuo. Ĉar montriĝis ĉe intertraktado kun kelkaj eldonejoj, ke la kotizoj fiksitaj en Praha por kelkaj malbonvalutaj landoj estis grava barilo al interkonsento, ni devis plialtigi tiujn prezojn, se ni volis havigi al ni kontrakton.

Komisiita de S-o Prezidanto al organizo de I. S. A. ĝis al la nova Kongreso en Helsinki, mi klopodis aranĝi la I. S. A. laŭ sistemo klarigita en ET n-o 66. La maniero, ke Konsuloj kaj Delegitoj subtenu la Kasiston al enkasigo de kotizoj, montriĝis bona.

Gravaj malfacilaĵoj ekaperis, kiam la eldonejo pro teknikaj kaŭzoj devis prokrasti la elirdaton de la Revuo. Sed nun tiuj malhelpoj estas forigitaj kaj ni povas plenesperaj rigardi en la estonton.

Malgraŭ la malfacilaĵoj ni povis ĝis nun kalkuli ĉirkaŭ 250 pagintojn, kiuj apartenas al 27 landoj. Pluraj 275 aliĝintoj (ne jam pagintaj aŭ pago nekonata al mi) staras en la listoj. Certe multaj de ili jam pagis al la delegitoj kaj pluraj abonos de la korporacie aliĝintaj unuiĝoj, kiuj ne jam estas kalkulitaj en la antaŭaj nombroj.

---

## Kasa Raporto.

(ĝis fino de junio 1922)

| | Enspezoj | | Elspezoj | |
|---|---|---|---|---|
| Aŭgusto | 100,00 | gmk | 20,70 | gmk |
| Septembro | 80,00 | „ | 30,05 | „ |
| Oktobro | 1442,90 | „ | 1610,20 | „ |
| Novembro | 2034,20 | „ | 172,90 | „ |
| Decembro | 749,20 | „ | 753,10 | „ |
| Januaro | 2165,00 | „ | 415,30 | „ |
| Februaro | 2276,30 | „ | 614,05 | „ |
| Marto | 996,93 | „ | 2687,00 | „ |
| Aprilo | 59,20 | „ | 895,60 | „ |
| Majo | 971,60 | „ | 264,50 | „ |
| Junio | ——,— | „ | 961,75 | „ |
| Sumo: | 10875,33 | gmk | 8425,15 | gmk |

Do la 1-an de julio 1922 la kasa saldo estis 2450,18 gmk!

Ĉiuj Enspezoj estas libervolaj donacoj, escepte en Marto alvenis 5,23 gmk kiel rentaj procentoj de la bankkonto.

Specialigo de la Elspezoj:

| | | |
|---|---|---|
| Afrankaj kostoj | 2446,25 | gmk |
| Paperaĵoj + arkivaĵoj | 1131,40 | „ |
| Presaĵoj | 2710,00 | „ |
| Vojaĝoj | 1210,00 | „ |
| Salajroj al helpantoj | 927,50 | „ |
| Sumo: | 8425,15 | gmk |

Nun je la fino de mia Raporto ekzistas ankoraŭ mia agrabla devo danki al ĉiuj subtenintoj, ne nur al tiuj, kiuj donacis la monon ebligantan la tutan agadon, sed ankaŭ al tiuj, kiuj helpis per propagando, aliĝo, konsiloj k. t. p. Nomojn mi ne donas, ĉar la vico estus tro longa kaj certe neplena! Kaj se ekzistus iuj, kiuj ne estas kontentaj pri mia agado laŭ ia punkto, ili bonvolu pripensi ke estas malfacilega afero akordigi ĉiujn opiniojn kaj ke neniu homo povas esti absolute prava, tial ankaŭ mi povis erari!

Plue ni laboru al bona prospero de I. S. A. kaj Int. Sc. Revuo!



# Oficialaj Sciigoj de ISA.

## Novaj Konsuloj

Danlando: Inĝ. Taumose, Möllegade 25 A, København-N
Usono: D-ro Gianfranceschi, 1975 Clinton Str., Buffalo N. Y.

## Nova Delegito

Germanl. stud. zool. Marquard, Enkingweg 14, Münster i. W., por Westfalen.

## Novaj Kotizoj

(la vico estas M., M. A., A.) por la landoj:

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| Argentina: | 3 | $7^1/_2$ | 6 | arg. pes. pap. |
| Brazila: | 8 | 20 | 16 | br. milrejs. |
| Ĉila: | 10 | 25 | 20 | ĉil. pes. |
| Meksika: | 2 | 5 | 4 | meks. pes. |
| Peruva: | 3 | $7^1/_2$ | 6 | peruv. soles |
| Urugvaja: | $1^1/_5$ | 3 | $2^2/_5$ | urugv. pes. |

## Sekcioj Sciencaj

### 1) T. E. K. A.

Prez. Prof. D-ro Vanverts, rue Solferino 236, Lille (Francl.)
Vicpr. D-ro Bischitzky, Mikulaŝska 12, Praha I (Ĉeĥosl.)
Sekr. D-ro Austerlitz, Bardiov, Slovakio (Ĉeĥoslov.)
Kas. D-ro Briquet, rue de la Bassée 31, Lille (Francl.)
Centra Oficejo: D-ro Róbin, Marszalkovska 113, Warszawa (Poll.)

### 2) Sekcio Pedagogia

Prov. Sekciestro: Thiel, Weidentalstr. 20, Dresden A 29

### 3) Internacia Teknika Asocio

Prov. Sekciestro: D-ro Stromboli, Via Verzuoli 48, Torino 5 (Ital.)

### 4) Sekcio Jura

Estro: adv. Wilken, 4 Farahde Str., Alexandria (Egiptl.)
Sekr.: prokur. Litauer, Marszalkovska 81, Warszawa (Poll.)

Post Helsinki ni esperas povi diskonigi la definitivajn elektojn kaj ankaŭ la starigon de aliaj Sekcioj.



# Oficialaj Sciigoj de TEKA.

Karaj Kunfratoj!

Dum la XIII-a Praha Kongreso la TEKA estis restarigata. Oni elektis novan Centran Komitaton, konsistantan nun el: Prof. D-ro Vanverts, Lille (prezidanto); D-ro A. Bischitzky, Praha kaj D-ro Briquet, Lille (vicprezidantoj); D-rino Cass, Preston, (kasistino) kaj D-ro Austerlitz, Bardiov (sekretario). Krom tio estis fondata nova institucio: „Centra Oficejo de TEKA“, kiu devis fariĝi konstanta informejo kaj kolektejo de ĉiuj TEKA-aĵoj. Gvidadon de la „Centra Oficejo“ oni transdonis al D-ro W. Róbin, Warszawa. —

Krom tio oni decidis fiksi la kotizaĵon de TEKA por la j. 1922 je 5 francaj frankoj aŭ ĝia ekvivalento. Pri la oficiala organo estis decidate atendi, ĝis la nombro de TEKA-anoj suf͏iĉe kreskos kaj la Asocio firme ekstaros.

La nova C. Komitato energie eklaboris. Estis trovitaj kaj varbitaj konsuloj en jenaj 15 landoj:

| | |
|---|---|
| Anglujo | D-ro Primmer |
| Aŭstrio | D-ro Sós |
| Bulgarujo | S-ro Zlateff |
| Ĉeĥoslovakujo | D-ro Bischitzky |
| Finnlando | D-ro Salokannel |
| Francujo | D-ro Domec |
| Germanujo | D-ro Kleider |
| Grekujo | S-ro Eŭstathianos |
| Hispanujo | D-ro Maraury |
| Hungarujo | D-ro Lórand |
| Holandujo | D-ro Mees |
| Polujo | D-ro Helman |
| Svisujo | D-ro Uhlmann |
| Turkujo | D-ro Stamatiadis |
| Usono | D-ro Becelaere kaj |
| | D-ro Ĝianfranceschi. |

Nun la ĉefa parto de la organiza laboro transiris al la landaj konsuloj. Iom post iom komencis alvenadi aliĝoj de novaj kolegoj, komencis aŭdiĝi malnovaj niaj amikoj. La lastaj precipe aliĝas kun ĝojo kaj promesas ĉiuforte subteni la TEKA'n, kiu lasis al ili videble bonajn rememorojn.

En tiu periodo la TEKA interkonsentis kun la ankaŭ restarigita „Scienca Asocio“, kaj ambaŭ asocioj decidis sin reciproke helpi kaj subteni. Ĉiu TEKA-ano fariĝas samtempe ano de la I. S. A. sen speciala kotizaĵo. La organo de la I. S. A., la „Scienca Revuo“, donos en ĉiu numero lokon por la oficialaj komunikoj de TEKA. Ni ŝuldas dankon por tiu favora kontrakto al la senlaca ĝen. sekretario de la I. S. A., D-ro Döhler.

Sed ni devas tamen konstati, ke la kondiĉoj por la r a p i d a disvolviĝo de nia Asocio ne estas ankoraŭ favoraj. Ni ne kolektis ĝis nun pli ol 100 anojn.

Ni rememorigas, ke tuj post la fondo de la TEKA, en la 1908 jaro, ĝi kalkulis post unu jaro 620 anojn. Sekve la kuracistoj videble ne atingis ankoraŭ post la milito la bonstaton, kiu permesus al ili okupiĝi libere pri ideaj societoj kaj ideaj aferoj . . .

Precipe mirinde estas, ke tute ne partoprenas en nia agado a n g l a j kaj u s o n a j kolegoj, kiuj do ekmontris tian fervoron antaŭ la milito, kaj ilia partopreno estas nun precipe dezirinda pro la valuto. Krom tio tute ne partoprenas en nia laboro la r u s a j kolegoj, tiel multnombraj kaj agemaj antaŭ la milito.

Tiamaniere ni devas trankvile labori en niaj mallarĝaj rondoj kaj plue organizadi nian TEKA'n, ĝis kiam ni atingos sufiĉan nombron por povi eldonadi propran organon.

*D-ro W. Róbin*
Gvidanto de la Centra Oficejo de T. E. K. A.

---

# Varsovia Sekcio de TEKA.

En Varsovio estas fondita Loka Sekcio de TEKA-anoj. Ĝi kalkulas jam 26 kolegojn. En la unua kunsido, sub prezido de Prof. D-ro Buiwid, estis tralegata de D-ro W. Róbin la interesa prelego de D-ro Blassberg el Kraków s. t. „Esperanto kaj Medicino". Sekvis vigla diskutado.

La celo de la Sekcio estas ĉiumonataj kunvenoj kun sciencaj prelegoj pri medicinaj aktualaj temoj. Estas invitataj gastoj-neesperantistoj, kiuj scivoleme aŭskultas la liberan esperantan diskutadon pri gravaj sciencaj aferoj. Multaj enskribiĝas poste en la TEKA'n.

Ni proponas kaj tre konsilas al kolegoj fari la samon en siaj urboj. Vi konvinkiĝos, kiel agrablaj estas tiuj kunvenoj kaj kiel bona ili estas propagandilo.

* * *

Oni afable petas ĉiujn kolegojn sendi informojn pri la stato de nia movado inter kuracistoj, proponojn, sciencajn novaĵojn ktp.

Adreso: D-ro W. R ó b i n, Warszawa (Polujo), str. Marszałkowska 113.

